XIVª jaro. Nº 215/216 (7/8) ☆ Monata ☆ Julio/Aŭgusto 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

Ordinara eldono . . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
Luksa eldono . . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . . 0.40 Frankoj
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



*La proksima N-ro de „Esperanto" (septembro-oktobro) aperos la **5 oktobro** en formo de duobla kajero.*

NUNTEMPAĴOJ

## Optimismo

La Basela filozofo Karl Joël antaŭ kelka tempo publikigis en grava jurnalo leteron okaze de Pentekosto: mesaĝo de konsolo kaj morala refortigo al la homoj, kiuj perdis la kuraĝon kaj malespere konsideras la estontecon. La milito mallumigis la animon de la homoj, kaj al la filozofo ŝajnis, ke se li ne rapidas alporti al ili balzamon de espero, ili riskas fali en la malesperon kaj en senliman pesimismon. La filozofo volas enblovi al la homaro ĝojan optimismon kaj, por tiu celo, li eklevas la vualon de l' estonteco ĝuste sufiĉe por montri al ni, ke ora matenruĝo atendas nin ĉiujn. Sendube la milito estas io terura, sed ĉu la aŭtuno ne cedas lokon al la printempo? ĉu la rozoj ne refloras? ĉu sur la ruinoj de Reggio oni ne denove aŭdas la ridadon de la infanoj? Tia estas, en ĝiaj ĉeflinioj, la senco de la optimista mesaĝo de l' filozofo.

Ĉiu optimisto, eĉ la plej nobla, ellasas odoron de oficialeco kaj mensogo. Oni ĉiam havas la impreson, ke oni aŭdas la paroladon de registara reprezentanto defendanta la partion de l' ordo. La publiko aŭskultas la oratoron kontraŭvole, trovas lin ekstreme enua kaj senpacience atendas oratoron de la opozantaro, tio estas de l' pesimismo. La pesimismo efektive ĉiam havas talenton. Sed tio estas nur parentezo.

Mi vere ne scias, kial la respektinda Basela filozofo tiel penas por viŝi la larmojn el la vangoj de la homaro, tiam, kiam oni vidas sur ili nek larmojn de malespero nek nekonsoleblan malĝojon. Estas vere, ke tiuj vangoj iom paliĝis, sed tio ne devenas el la fakto, ke oni perdis siajn iluziojn pri la senco kaj la enhavo de la vivo; ĝi devenas el tio, ke ni havas la pan-karton kaj malhavas buteron. Ĉu ne estas tute strange legi: „Ne ploru, ho malfeliĉa homaro", kiam ĝi tute ne havas la intencon plori? Tute kontraŭe. La homaro mirigas pro sia neelĉerpebla maldelikata optimismo. Ĝi adaptiĝis al la monda milito kaj ĉesis senti ties abomenon. Ĝi ja deziras, ke la milito finiĝu, ke Hans, Marcel, Giuseppe kaj Charles povu reiri hejmen. Sed ĝi tion deziras malforte, maldiligente. Al kiu similas ĉi-momente tiu malfeliĉa homaro, tiu naŭziga kaj tamen kara homaro? Ĝi similas al viro, kiu havus unu el tiuj malsanoj, kiujn la bonmoroj ne permesas nomi. Je la unua momento, ŝajnas al tiu malsanulo, ke li ne elportos la honton. Li sin tenas for de la societo, for de la ĝuoj. Li trovas, ke la vivo ne plu estas vivinda. Sed poste li alkutimiĝas. Li iras tra la stratoj fajfante. Dio scias, kie li prenis energion, bravecon. Dio scias kie, ĉe kia fonto, li iris ĉerpi tian dozon de optimismo. El lia vizaĝo la melankolio malaperis, plene malaperis. Li promenigas tra la foiroj sian putriĝintan nazon, kiu apenaŭ alteniĝas, kaj eĉ kuraĝas ŝerci kun la vendistinoj. Certe naŭziga estas tiu gaja kaj senhonta malsanulo. La malsano postulas grandan internan koncentriĝon, la spirito streĉiĝas por trairi grandegajn spacojn. En tiu senco, oni kelkafoje povas beni la malsanon, kiel profundan krizon, kiel purgatorion. Oni devas iafoje pasi tra la infero. Sed ke oni ne estas emociata de la okazintaĵo, ke oni eĉ ekdeziras oscedi, tio estas la plej alta grado de la honto. Tiam, oni ne skribu konsolajn leterojn, oni ne propagandu la optimismon, sed kontraŭe oni en ĉiuj ĝiaj aspektoj priskribu la inferon kaj ties abomenaĵojn. Oni rememorigu al la homo, kie li ĵus estis, kie li nun troviĝas. En la infero, en la infero . . .

Kie do la respektinda Basela filozofo vidis, ke la homoj sin fordonas nur al la malespero? Ĉu ne estas pli ĝuste supozi, ke la granda kvarjara abomeno, la abomeno de tiu mortigado de homoj per homoj, plene pasis al la dua vico kaj ke la unuan vicon okupas ĉiuspecaj bagateloj kaj maloportunaĵoj en rilato kun la milito? Ĉu la Basela filozofo

ehle ne rimarkis, ke la homaro oscedas? La devo de la majstroj, la devo de la malgranda grupo de elektitoj konsistas en tio, ke ili kiel eble plej frue klarigu nian nemezureblan dekadencon. Donu al ni grandan pesimiston, grandan koleran libron, en la nomo de tiuj milionoj da detruitaj vivoj, kies memoron malpurigos la vulgara optimismo de la estontaj popolamasoj. Ke ilia memoro estos malpurigata, tio estas certa. Oni tremas je la ideo, ke tuj post la konkludo de la paco, oni komencos aranĝadi je la honoro de la mortintoj festojn plenajn de trivialeco kaj de hipokriteco. Tuta armeo de sofistoj ekpruvos, ke oni ne devas tro bedaŭri la perdon de milionoj da junaj vivoj, ke ne vane ili estis detruitaj. Oni estos tie ĉi kaj tie plivastiginta la balotrajton; ĝenerale, multaj aferoj estos pliboniĝintaj; cipresoj kreskas sur la tomboj kaj la rozoj, kvankam tiel rapide kaj malĝoje velkintaj, ne ĉesas tie floradi. Nova homaro formiĝas sur la ostaro de la herooj. Ĉiujare, je fiksita tago, en la diversaj partoj de l' mondo, la homoj procesie sin trenos al la tombejoj de la herooj; ili tie eldiros siajn malbelajn paroladojn, kaj tie metos siajn malbelajn, senutilajn kaj malsaĝajn kronojn. La mortintoj nek parolas, nek protestas. Sed ĉar la mortintoj ne parolas, estas necese, ke la profeto kriu, ke la poeto ploru, ke la sentima filozofo klarigu. Li klarigu la indignigan hipokritecon de societo, kiu timas la respondecon, la animan malkvietecon, kaj kiu sin trankviligas per sofismoj. La ĉefpersono de inspirita rusa libro kun indigno malakceptas la ideon, ke generacio devas servi kiel grasiga sterko por la feliĉo kaj la prospero de la sekvanta generacio. Li diras, tiu Dimitri Karamazov, ke „la tuta progreso de la homaro ne valoras unu larmon de infano". Li ne volas eniri en estontan reĝolandon starigitan sur infanaj larmoj. Karamazov fiere redonas la bileton, kiu rajtigas lin eniri en tiun reĝolandon, kiel ajn brilega ĝi estas. Kaj tiom pli se anstataŭ la brilega postmilita reĝolando, ni havas nur negravan plivastiĝon de la balotrajto kaj malgrandan ŝanĝon en la geografia karto . . .

Ne, ne, la homaro ne bezonas optimismon; ĝi havas da ĝi jam tute sufiĉan kvanton. La optimismo estas en la homa instinkto, kaj kia ajn ĉagreno, kia ajn elreviĝo okazas, la laboratorio de la homa optimismo tuj fabrikos ian sofisman preparajon por forigi la opozojn kaj restarigi la harmonion. Mi permesos al mi, rememorigi al la respektinda kaj brila Basela filozofo la jenajn vortojn de Renan:

„Mi ofte prezentas al mi, li diras, ke en la tago antaŭ la Lasta Juĝo, kiam la signoj de l' ĉielo fariĝos tiel evidentaj, ke ĉia dubo estos neebla, tamen troviĝos homoj, kiuj ambicios la honoron fariĝi vilaĝestro aŭ urba konsilanto". Jen la nesekiĝebla fonto de l' optimisto. Ion aldoni al ĝi vere estas superfluaĵo.

*Sch. Gorelik.*
Trad.: *A. R.*

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*



## SOCIA VIVO



## Pri Ukraino[1]

Antaŭ ĉio, ni devas rimarkigi, ke la kreita en Brest-Litowsk, Ukraino, ne estas nova regno. Ĝi havas brilantan historian kaj kulturan pasintecon. Oni nur rememoru pri la Kieva princlando de Oleg, Olga, S-ta Vladimir kaj de la konata princo Svetoslav. Tiu ĉi glora princlando, kreita en IXa jarcento de la samaj slavaj gentoj, kies idoj loĝas ankaŭ nun la vastan teritorion de Ukraino (Poljanoj, Drevljanoj, Severjanoj, Ugliĉoj, Tiveroj, Duleboj), estis nomata komence „Rus". Ĉar tiu ĉi nomo estis pli malfrue proprigita ankaŭ de la Moskvaj princoj, la Ukrainanoj estis devigataj serĉi alian nacian nomon. Tamen ankaŭ la nomo „Ukraino" estas tre malnova. Ĝi renkontiĝas jam en la analoj de XIIa kaj XIIIa jarcento, en la Universaloj de la kozakaj hetmanoj de XVIIa jarcento, en la manifesto de Petro la granda de 1709, en la popolkantoj, — por signi precipe la orientajn apudlimajn stepajn „randojn" (de kie Ukraino) de la iama Kieva regno (IXa—XIIa jarcento). Tiu ĉi nomo estis iom post iom disvastigita kaj hodiaŭ signas la tutan Ukrainan etnografian teritorion. La nomo „Malorusia" (Malgrand-Rusujo) estas pure literatura. La Ukrainanoj hodiaŭ ĝin decide forpuŝas.

La etnografia Ukraino formas grandegan unuigitan teritorion, etendiĝantan de Karpatoj ĝis Kaŭkazo kaj de la rivero Pripjet ĝis Nigra Maro. La surfaco de tiu vasta teritorio atingas laŭ la pli novaj statistikoj ĉirkaŭ 740,000 km$^2$, el kiuj ĉ. 665,000 en la estinta rusa imperio.

Pri la nombro de la Ukraina loĝantaro ni ne ankoraŭ havas tute precizajn statistikojn. Prenante difinitan koeficienton por la kresko de la loĝantaro oni ricevas por la lastaj jaroj ciferon de 46 milionoj da Ukrainanoj (laŭ L. Korduba). Sed se ni akceptus eĉ la ciferon 35 milionoj, kiu estas malalta, Ukraino okupus laŭ la nombro de sia loĝantaro hodiaŭ sesan lokon inter la eŭropaj regnoj kaj duan inter la slavaj.

En rasa rilato la Ukrainanoj, laŭ la opinio de la plej bonaj rusaj scienculoj, distingiĝas de la Rusoj per pli alta staturo, per pli larĝa torakso, pli ronda kranio, pli grandaj kruroj; la plimulto estas nigrokula kaj brunvizaĝa. Tiuj apartaĵoj estas ŝuldataj parte al la miksiĝo kun fremdaj rasoj, precipe turko-tataraj, kaj en tiu rilato la Ukrainanoj staras pli proksime al la Bulgaroj.

En psiĥologia rilato la Ukrainano distingiĝas ankoraŭ pli profunde de l' Ruso kaj proksimiĝas ree al la Bulgaro. Li estas pli granda individualisto, estas pli agema, pli granda realisto en la vivo, tial li estas pli indiferenta ankaŭ al dogmaj disputoj. Lia medita naturo estas inklina pli al skeptikeco kaj kritiko. La Ukrainano malfacile decidiĝas, sed obstine tenas sian opinion. La Ukraina „obstineco" estas fama. Al tio ĉi li ŝuldas kaj ŝuldos en la estonteco ankoraŭ pli siajn grandajn naciajn sukcesojn. Li distingiĝas ankaŭ per sia subtila humoro. Nevane Gogol estas Ukrainano.

La Ukraina lingvo, kiu dividiĝas je kelkaj dialektoj, havas, samkiel la bulgara, post si disvolvon de 1000 jaroj. Iam la Ukraina lingvo estis oficiala lingvo ne nur de Kieva kaj Kozaka Ukraino, sed ankaŭ de Litovo. Laŭ la opinio de la plej aŭtoritataj slavistoj kaj etnografoj (kiel Ŝafarik, Miklošiĉ, Lavrovski, Potebnja, Niderle, Ŝaĥmatov, Korŝ, Fortunatov, k. a.), la Ukraina lingvo estas memstara lingvo,

[1] La pli granda parto laŭ la Univ. Prof. *D-ro Iv. D. Ŝiŝmanoff*, plenrajta ministro de Bulgarujo en Kiev, eksministro de l' publika instruado kaj fervora defendanto de la Esperanto-movado (konata estas lia akademia parolado pri L. I. en 1912).

samranga je ĉiuj aliaj slavaj lingvoj, ĝi uzas la malnovbulgaran alfabeton, kaj ĝiaj gramatikaj kaj leksikaj apartaĵoj estas tiel grandaj, ke sen antaŭa preparo eĉ la Ruso ne komprenas ĝin.

Tiu ĉi lingvo sukcesis krei al si jam en la tempo de Nestor la Analskribanto riĉan literaturon, posedas unu el la plej belaj popolaj poezioj, povas sin glori hodiaŭ je belega art- kaj sciencliteraturo (historia, filologia, etnografia, ekonomia, politika, k. t. p.), havas sian gazetaron kaj servas kiel spirita ligilo de milionoj. Tial ĝi ne bezonas timi, ke iuj rifuzas al ĝi la rajton, sin nomi lingvo.

La Ukraina literaturo, kiu komenciĝas jam en la Xa jarcento, interrompis neniam sian disvolvon. Ĝi povas esti dividata je tri periodoj:

1e De 988—1158. Plej famaj literaturaj monumentoj de ĉi tiu epoko estas la Analo de Nestor, la Kanto de Igor kaj la Kolekto de Svetoslav. En tiu ĉi epoko la malnovukraina literaturo estas sub plej senpera influo de la malnovbulgara. — 2e De 1158—1798. Ukraino estas sub la regado de Polujo. De tie ankaŭ kelkaj okcidentaj influoj en la literaturo. En tiu ĉi periodo la popola elemento penetras ĉiam pli forte en la skriba parolo. Oni provas traduki la Sanktan Skribon en simpla lingvo. La Ukraina lingvo akiras rajton de civitaneco en la oficialaj dokumentoj de la kozakaj hetmanoj. — 3e De 1798 ĝis nun. Tiu ĉi periodo komenciĝas per la fama humora imitaĵo de la Virgilia Eneido de la poeto Ivan Kotljarevsky (1769—1808), la restariganto de la Ukraina literaturo. Aperinta en Poltava en 1798, kun ĉi tiu poemo komenciĝas la moderna Ukraina nacia reviviĝo. La plej bonaj poetoj de la mezo de tiu ĉi epoko estas: la genia Tarass Ŝevĉenko (1814—1861), la plej granda kantanto de Ukraino. „Oni ne povas prezenti al si la entuziasmon, kun kiu estis salutita ĉiu nova verko de l' poeto. Li enkorpigis ĉiujn aspirojn, ĉiujn revojn de la Ukrainanoj. Lia volumo ‚Kobzar' estas la kuŝlibro de la vilaĝanoj, samkiel de la instruitoj, kaj ĉiuj infanoj scias parkere ĝiajn inspiritajn versojn." Ŝaŝkeviĉ el Galicio, Fedkoviĉ el Bukovino, k. a. aŭtoroj „estis animitaj de la amo al sia popolo kaj de la demokratia ideo. Ili malŝatis la sklavecon kaj la suferojn de la vilaĝanoj, kiujn ili kompatis, kvankam ĉiuj tiuj romanistoj kaj poetoj apartenis al la riĉaj klasoj de l' societo". De la pli novaj Ukrainaj poetoj kaj poetinoj (ili estas multnombraj) notindaj estas: Ivan Franko (1856—1916), poeto, literaturisto kaj scienculo, la plej granda Galicia poeto kaj eble la plej granda Ukraina poeto post Ŝevĉenko, Bogdan Lepski, elegia poeto, Stefanik, novelisto, Rotsinbinsky, romanisto kun tre granda talento, Olga Kosaĉ, konata sub la pseŭdonomo Lesja Ukrainka, Rudansky, talenta lirikisto, Marko Kropyvnitzky kaj Karpenko Kary, rimarkindaj dramaŭtoroj, Vinenĉenko (antaŭ nelonge ministro-prezidanto) O. Oless k. a.[1]

Ukraino posedas jam de malnova tempo ankaŭ riĉan eklezian kaj laikan arton, ikonopentron, murpentron, ĉiz-, juvelarton, k. a. En tiu rilato Ukraino estas talenta disĉiplo de Bizantio kaj Bulgarujo. Ukraino posedas ankaŭ multajn artpentristojn kaj skulptistojn. Ŝevĉenko estis ankaŭ talenta pentristo.

Kiu ne konas la belecon de la Ukrainaj popolaj melodioj, kiujn talentaj komponistoj (Lissenko k. a.) utiligis kaj utiligas por siaj simfoniaj kaj operaj komponaĵoj? La Ukrainaj popolkantoj estas sendube la plej muzikaj el ĉiuj slavaj kantoj. La Ukrainaj gekantistoj estas famaj.

La Ukrainanoj povas sin glori ankaŭ je kelkaj unuagradaj scienculoj, kiuj ĝuas bonan reputecon ankaŭ ekster la limoj de sia patrolando: Kostomarov, Dragomanov, Ĵitezky, Rudĉenko, Effimenko, Volkov kaj Hruŝevsky (eksprezidanto de la Centra Rada, aŭtoro de naŭvoluma historio de Ukraino), plej granda historiisto de Ukraino, kies verkoj estas tradukitaj en multaj eŭropaj lingvoj.

Superflue estas aldoni, ke ankaŭ la materiala kulturo de Ukraino estas riĉa kaj diversspeca. Ĝis antaŭ nelonge Ukraino estis prave nomata grenujo de Ruslando. Ĝia fama nigra tero estas glorata pro sia senkompara fruktodoneco. Jam en 1910 Ukraino produktis ĉirkaŭ 40 % de la tuta rikolto de Eŭropa Ruslando. La produkto de cerealoj atingis 215 milionojn da kvintaloj. Ukraino kovris tiam preskaŭ la tutan eksporton de l' imperio. Fama estas ankaŭ la Ukraina sukerkulturo. La produkto de beto en 1910 atingis 50 milionojn da kvintaloj (82 % de l' tuta rikolto de l' tiama rusa imperio). Ukraino estas fama ankaŭ pro sia lino, kanabo, fruktoj kaj legomoj. Estas ankaŭ multe da tabako.

La brutkulturo floras, kaj tre grandaj estas la subteraj riĉaĵoj de Ukraino: karbminejoj okupas spacon ne malpli grandan ol 24,000 km².

Ukraino provizas preskaŭ tutan Ruslandon je salo. Riĉaj estas ankaŭ la petrolfontoj en Galicio.

En la eduk-instrua rilato Ukraino faris ankaŭ tre multe, kaj ni povas esperi, ke la sciencema Ukraina popolo, unuigita kaj libera, pasie sin donos al laboro por la bono kaj prospero sia kaj tuthomara.

*Iv. H. Krestanoff.*

[1] Se oni deziras scii pli, oni turnu sin al *Efremov:* Historio de la Ukraina literaturo.

---

## La japana virino

II

Por havigi al si manlaboristinojn, la ŝpinejoj sendas al la kamparo varbagentojn, al kiuj ili donas procenton po ĉiu varbitino. Tiuj agentoj penetras en la familiojn, sin turnas pli al la gepatroj ol al la estonta laboristino, kaj al ili proponas certan monsumon kontante pagotan. La gepatroj akceptas kaj, kompreneble ne demandinte la infaninon, oni subskribas la kontrakton. Cetere, kiel oni povus rezisti al la mielaj vortoj de la varbagentoj, al la priskribo de la paradizo, en kiu vivos la junulino, al la fotografaĵoj, kiujn ili kolportas en belega albumo kaj kiuj efektive prezentas la vivon en la uzino sub la plej alloga aspekto?

Mi havas antaŭ la okuloj unu el tiuj kolektoj. Komence estas menciataj ĉiuj avantaĝoj, kiujn prezentas la potenca kompanio. Al siaj laboristinoj ĝi havigas profesiajn kaj ordinarajn lernejojn, paroladojn kvaronmonate, lecionojn de sintenado, helpon okaze de malsano kaj post la morto. Interne de la uzino, estas dormejoj, banĉambroj, sukeraĵejoj kaj parfumejoj, du teatroj, por kiuj oni elspezis 300,000 frankojn. Ŝparkaso estas al ilia dispono, kaj ili ricevas renton da 10 % por la deponitaj monsumoj. Oni senpage donas al ili leterpaperon, kovertojn kaj poŝtmarkojn por skribi al la fora familio. Fine, en la kamparo, troviĝas sanatorio por la virinoj, al kiuj la kuracisto ordonis ripozadon (legu: tuberkulozulinoj).

Tamen la kompanioj havas nur limigitan konfidon al ĉiuj tiuj avantaĝoj. Por konservi siajn laboristinojn, ili promesas premion al tiuj, kiuj restas tri jarojn en la uzino, kaj pli altan premion al tiuj, kiuj restas dek jarojn.

La vero estas, ke vidinte la krudan realaĵon, la malfeliĉulinoj forkuras malgraŭ la kontrolo. Se ili bedaŭrinde forkuris hejmen, oni iras preni ilin kaj perforte rekondukas al la uzino, ĉar la gepatroj kompreneble ne povas pagi la monkompenson fiksitan en la kontrakto.

Sed la hejma varbado ne sufiĉas. La kompanioj reciproke ŝtelas al si siajn laboristinojn, proponante kvin jen'ojn (dek-tri frankoj) po varbitino, kaj sin turnas al la gastigistoj, al la kombistoj por sinjorinoj, al la antaŭdiristoj, por ke ili varbu virinojn.

„Ordinare, la kompanio, kiun oni senigas je ĝiaj laboristinoj, ne plendas ĉe la polica komisaro, car la monpuno, nur 1,50 ĝis 5 jen'oj, ne estas grava. Sed ĝi frapigas la kulpulojn per speciale pagataj homoj.[1]

„La kompanio, de kiu oni petas, ke ĝi redonu la laboristinojn, kiujn ĝi deturnis de la uzino, prezentas siajn senkulpigojn kaj tuj resendas la laboristinojn. Sed ĝi rekomendas al ili, ke kontraŭ rekompenco ili penu delogi siajn novajn kamaradinojn."

Mi havas antaŭ la okuloj la internan regularon de unu el tiuj kompanioj. Oni kompreneble konigas ĝin al la interesulinoj nur post ilia alveno en la uzinon, do tro malfrue por ke ili povu protesti. Mi citas el ĝi kelkajn indikojn: La labortago daŭras dek-du horojn. La ordinaraj ripoztagoj estas ĉiu dua dimanĉo, „sed ili estas nuligataj okaze de urĝa laboro". La ordinaraj ripoztagoj ne estas pagataj. Duonhoran malfruiĝon oni punas per monpuno egala je la kvinono de la labortago. Estas malpermesite forlasi la uzinon sen la permeso de la laborestro, „eĉ okaze de malsano aŭ pro grava motivo".

La forpermeso, la malgrandigo de l' salajro aŭ monpuno estas decidataj en dek-kvin okazoj, ekzemple, kontraŭ la laboristino, „kiu murmuretas malaprobe aŭ kondutas malkontente —, kiu ne laboras sub preteksto de malsano". La monkompensoj por difektado al la ilaro devas esti pagataj de ĉiuj laboristinoj okupitaj en la ĉambro, kie okazis la delikto, kies farinto restas netrovebla.

Oni supre legis, ke en la uzino ekzistas ŝparkaso, ĉe kiu la laboristoj ricevas renton da 10 % por siaj mondeponoj. Sed tiun ŝparon la kompanio povas konfiski, tute aŭ parte, laŭ la graveco de la malobeoj al la regularo. La ordinaraj kaŭzoj por konfiskado estas jenaj: 1e Elpelo pro nehonestaj agoj. — 2e Foresto sen antaŭa informo (parta konfisko). — 3e Nerepostulo de la ŝparita sumo en tempolimo de tri monatoj post la foriro. — 4e Kelkmonata foresto sen antaŭa informo (tuta konfisko). — 5e Ŝanĝo de metio sen la permeso de la mastro. — 6e Domaĝoj propravole faritaj al la mastro.

Inter la ordinaraj punoj, mi citos nur tiun ĉi, kiu rilatas al malgravaj kulpoj: „Purigi la uzinon post la laboro, sen pligrandigo de l'salajro."

Post la laboro! Post dek-du horoj da laboro! Kaj kia laboro!

En Osaka mi vidis malfeliĉajn dekdujarajn knabinetojn, kiuj marŝas malantaŭ la teksomaŝino kvin aŭ ses paŝojn, refaras tiujn kvin aŭ ses paŝojn malantaŭen, puŝataj de la maŝino, kiun ili devas konstante rigardi kaj tuŝi, poste reveni, kaj reiri, ĉiam senhalte, sen momenteto por malstreĉiĝo aŭ ripozeto. Tio estis terura. Ŝajnis al mi, ke mi vidas novan formon de turmento puntrudata al inferkondamnitoj. Malfeliĉulinetoj . . . Kaj ekzistas en Japanujo „konfesita" cifero da tricent kvindek mil laboristinoj malpli ol dudekjaraj!

* * *

Estis al mi preskaŭ neeble viziti grandajn uzinojn en Japanujo, almenaŭ viziti alie ol kiel kontrolata invitito. Oni superŝutis min per afablaĵoj kaj senigis min je dokumentoj. Tio, kion oni montris kaj diris al mi, estis tro bela por esti vera. La ekscesa ĉarmo de la priskribo vekis mian malfidon, kaj mi aliloke serĉis la dokumentojn, kiujn oni rifuzis al mi.

Jen, ekzemple, kion skribas japano, S-ro Urakami, pri la vivo de la tekslaboristino (en la revuo „L'Economiste Français"):

„La sanitaraj aranĝoj de la pli multaj kotonfabrikejoj, koton- aŭ silkteksejoj, estas tute nesufiĉaj. La higiena fako ja dungas kuraciston por la laboristinoj, sed tiuj kuracistoj malmulte utilas rilate la vivkomforton kaj la plibonigon de la laborista vivo; ili ne kuraĝas deklari ties urĝecon al la mastroj de la laborejo, kaj venas nur por kuraci la malsanulojn.

„Unu el la plej teruraj malbonoj por la saneco de niaj laboristinoj devenas el tio, ke du aŭ tri junulinoj uzas la saman liton. Oni scias, ke en Japanujo, la grandaj kotonaŭ silkŝpinejoj loĝigas kaj nutras la laboristinojn. Ili vivas en komuna domo, konstruita interne de la ĉirkaŭlimo de l'fabrikejo. La nokta kovrotuko estas ĉiam nesufiĉa, kaj ilia dormoĉambro, tro malgranda, ne estas hejtebla. Dum la vintro, tiuj virinoj, por pli bone sin varmigi, estas devigataj kuŝi pli ol duope sub la sama kovrotuko. Ilia privata loĝejo ne estas pura. Iliaj litaĵoj estas neniam elmetataj al la aero, pro la nokta dejoro. Efektive, la laboristinoj, kiuj ne dejoras nokte, iras kuŝiĝi en la saman liton ĝis tiam okupitan de siaj kamaradinoj, kiuj forlasas ĝin por siavice dejori; la higienaj kondiĉoj estas do tre malbonaj.

„La dua grava demando studinda je la sanitara vidpunkto rilatas al la ekstra nokta laboro, kiun oni postulas de la laboristinoj. Nuntempe, speciale en la kotonŝpinejoj, oni dividas ilin laŭ du grupoj, kiuj laŭvice dejoras nokte. Ĉiu el tiuj grupoj tion faras unu fojon semajne aŭ ĉiun dekan tagon. Krom tio la ŝpinistinoj, kiuj tage dejoras, devas resti en la laborejo du aŭ tri horojn pli, ekster la regula labortempo, kiu daŭras dek-du horojn.

„Tiu nokte kaj tage alternanta laboro estas praktikata ankaŭ en la grandaj vitro-, paper-, tabak- kaj sukerfabrikejoj, en la elektraj uzinoj, k. t. p., kie estas okupataj multaj virinoj kaj infanoj de dek ĝis dek-kvin aŭ dek-ses jaroj.

„Fine, oni devas diri, ke la nutraĵo, kiun oni donas al tiuj virinoj po tri aŭ kvar sen'oj por manĝo (1 sen'o = 2,6 centimoj), estas nesufiĉa. Estas neeble, ke kun tiel malalta prezo, oni povas liveri al ili taŭgan nutraĵon; plie, la kvanto mem de la nutraĵo estas nesufiĉa por la sano. Tia situacio urĝe postulas plibonigon."

*(Daŭrigota.)* *Brieux.*

Trad.[1]: *A. R.*

## Ŝiitoj kaj Sunitoj

Estas bedaŭrinde trovi, ke eĉ Esperanto estas uzata ankoraŭ por disvastigi la terurajn miskomprenojn pri Islamo ĝenerale trovatajn en Eŭropo.

Mi ne volas diskuti pri la boneco aŭ malboneco de Islamo sed, se oni priskribas religion, almenaŭ la faktoj devas esti ĝustaj. La plej granda parto de le artikolo de S-ro Gadjanoff en la junia numero de „*Esperanto*" donas eraran komprenon de Islam.

Unue ŝajnas al mi, ke la tuta signifo de la artikolo estas, ke Muslimoj (la vorto Mahometano estas neĝusta[2]) dividiĝas en du partoj. Tiuj, kiuj sekvas Muhammad kaj tiuj, kiuj

[1] Tiujn informojn kaj la sekvontajn mi eltiras el verko skribita de japano, S-ro Saito, sub la titolo: „La laborista protektado en Japanujo".

[1] El vojaĝimpresoj pri *Japanujo*, de la verkisto Brieux, el la Franca Akademio.

[2] Kial do? Se de Kristo devenas Kristano, kial ne de Mahometo Mahometano? — *(Red.)*

sekvas Ali. La vero estas jena: Ĉiuj Muslimoj kredas en la sama „Kalima“ (kreddiro). „Ne estas Dio krom Allah kaj Muhammad estas Lia profeto.“

Ĉiuj Muslimoj kredas, ke la Korano estas vorte, eĉ litere, la malkaŝita gvido de Dio al homaro.

En Islamo la tuta vivo devas esti laŭ la Korano. Pro tio, la juĝa sistemo de Muslimaj landoj bazas sur la Korano. Malik, Hanifi, Safni kaj aliaj estis nur teologiaj leĝistoj, kiuj ellaboris la leĝojn. La „sektoj“ estas nur tiuj partoj de la Muslima mondo, kiuj sekvas aŭ Safni aŭ Hanif k. t. p.

La du grandaj partioj estas la Ŝiitoj kaj la Sunitoj. Kompreneble post la mortigo de Hasan kaj Hjusein la persaj Muslimoj ne sekvis la civilajn leĝojn de la kalifoj. Sed eĉ nun la religio de la Ŝiitoj ne diferenciĝas de tiu de la Sunitoj. Ni havas preĝojn en Londono. Ŝiitoj kaj Sunitoj preĝas laŭvorte same. En la artikolo mi legas:

„La tuta religia kulto tute diferenciĝas. La ŝiitoj, ekzemple, ne havas turkajn konfirmojn, nek la ‚Ramazanon‘ (fastmonato de la turkoj). Anstataŭ tiu ĉi, ili havas ‚novruzon‘, en la komenco de la printempo ili fastas nur naŭ tagojn, kaj tio nur de akvo, je memoro de la alia filo Hjusein, kiu naŭ tagojn en Kerbel restis sen akvo.“

Tiu paragrafo estas tute malĝusta.

Mi, kiel Muslimo, tute ne scias kion signifas „turkaj konfirmoj“. Ĉiuj Muslimoj havas la saman Ramazanon, kaj faras ĝin (Koran II. 184—5—6). La „novruzo“ estas la novjara festo de la antikvaj Persoj, kaj nun oni ankoraŭ festas ĝin en Persujo, kvankam la Muslima kalendaro estas sekvata. La naŭtagan faston de akvo observas ĉiuj Ŝiitoj kaj tri kvaronoj de la Sunitoj.

Fine, paroli pri „dervîŝaj sektoj“ estas nur alia signo de la nescio de S-ro Gadjanoff. Mi nur esperas, ke en la estonto, se oni verkas aŭ originalan aŭ tradukan verkon pri religio, unue la verkisto pli bone certiĝos pri siaj faktoj.

*Charles S. Schleich,*
Sekretario de la Societo de Londonaj Mahometanoj.

---

## Pri la elektra aktiveco de la homa korpo

La moderna natursciencco malŝlosis al ni multon kaj instigis nin rigardi en multajn interrilatojn, kiujn en pli frua tempo oni apenaŭ kuraĝis antaŭsenti. La scienca faktmaterialo tiel amasiĝis, la esplormetodoj tiel plidelikatiĝis, ke substanco kaj fortoj en la naturo multrilate antaŭ ni kuŝas kiel malfermita libro. Sed pri unu grava problemo la scienco ĝis nun ne sciis doni respondon, nome: kiu estas la ĉefa forto, kiu movas nian korpon, kiu kuntiras niajn muskolojn, kiu kuras tra niaj nervoj de la cerbo kaj mjelo (spina medolo) al la periferio aŭ inverse?

Ni demandu nin, de kie venas entute la fortoj, per kiuj nia korpo laboras, kaj la respondo estas: ĉefe el la nutraĵo. Kio estas nun entenata en la nutraĵo? Unuavice, diras la scienco, albumeno, graso kaj karbonhidratoj, kiujn ni nur konas kiel konstrusubstancojn kaj varmoliverantojn. La klasika eksperimento de Rubner kun ripozanta besto nur pruvas, ke la korpo en stato de ripozo produktas precize tiom da varmo, kiom estis enkondukata antaŭe en formo de albumeno, graso kaj karbonhidratoj. Moviĝante la korpo produktas pli da varmo; ĉiu scias, ke frostante oni devas movi sin; tial oni ankaŭ bezonas pli da nutraĵo liveranta la plion da varmo. Sed ke el tiu-ĉi pli da varmo estas formataj aliaj fortoj funkciigantaj la korpon, tio estas pruvata per nenio.

Ni demandu do plue, kio krome estas ankoraŭ entenata en la nutraĵo? Estas krom la vitamenoj nur akvo kaj saloj. Pri la vitamenoj mi hodiaŭ pro mallongo ne detale parolos; nur tion mi kun precizo diras, ke ili malgraŭ sia granda graveco ankaŭ la ĉeffunkciadan forton de la korpo certe ne liveras. Eble ili estas interligataj kun la ĉeffunkciada forto. Tio estas ebla; sed el ili mem certe tiu-ĉi forto ne devenas.

Restas do nur akvo kaj saloj.

La akvo nun entute ne entenas forton, kiu povas helpi nin por nia problemo; ĝi estas nur ilo solvanta kaj movanta solvitajn kaj nesolvitajn substancojn; ĝi estas do ankaŭ ne konsiderota. Same estas rilate al la saloj, kiuj reguligas la reakcion de sango kaj limfo, estas transportiloj de la karbonacido en la sango, servas kiel solviloj de multaj albumensubstancoj kaj certe enhavas osmozajn fortojn, sed el ili solaj ankaŭ la ĉeffunkciada forto de nia korpo ĉiuokaze ne estas klarigebla. Tiel ŝajne ni estus je la fino de nia scio, kaj ni devus kiel la skolo oficiala paroli pri mistera nerva fluidaĵo, pri kiu neniu scias kio ĝi estas.

Do, la nutradaj substancoj, ĉiu rigardata sole por si mem, ne alproksimiĝas nin al la solvo de nia tasko. Sed eble valoras ankaŭ ĉi-tie la sentenco, kiu ofte estas vestita en ŝerca formo:

„Unu sola ne povas,
Sed du jam ĝin movas.“

Ĉar, se ni prenas kune akvon kaj salojn, t. e. se ni solvas la salojn en la akvo, tiam ni tuj ricevas miksaĵon de potenca dinamiko, ĝis nun kaŝita al nia oficiala skolo, almenaŭ koncerne ĝian utiligon por la vivo. Akvo kaj saloj kune donas fluidaĵon, en la fiziko nomitan *elektrolito*, kaj formantan la konatan kondukilon de la dua klaso en la galvana elemento. El tiu-ĉi elektrolito la galvana elemento prenas sian forton elektran. Laŭ la plej bona nun valoranta teorio de Svante Arrhenius, la salmolekuloj en la salsolvaĵo parte estas fendataj, kaj ĉi tiuj dissociitaj atomoj aŭ atomgrupoj estas tiam nomataj *ionoj* t. e. migrantoj per elektro ŝargitaj, kaj tiel naskiĝas *kationoj* ŝargitaj per pozitiva elektro kaj la *anionoj* negative ŝargitaj. En la elektroliton trempas la kondukiloj de la unua klaso, ekz. karbo kaj zinko, kaj se kunigite per fadeno unu kun la alia, tiam okazas elektra fluo fermita.

Sed nun nia sango kaj limfo estas po $^4/_5$ salsolvaĵo, enhavanta ĉirkaŭe 0,75 % da saloj, kaj salojn kaj akvon la sango ricevas el la nutraĵo. Do, jen per unu fojo miksaĵo de nutraj substancoj, el kiuj la korpo povas elpreni tute difinitan elektran fortkvanton. Estas nur la demando: ĉu io parolas por tio, ke nia korpo estas konstruita kiel elektra akumulatoro aŭ kiel alia elektra maŝino? Nu, unu sola rigardo al nia nerva sistemo jam pruvas, ke tiu-ĉi havas la plej grandan similecon kun telegrafa aŭ telefona sistemo. Jen centraloj, la nervaj ĉeloj en mjelo kaj cerbo, kaj kondukantaj fadenoj, la nervoj; ankaŭ la konstruo de nerva ĉelo kun ĝiaj malsamaj branĉetoj havas la plej grandan similecon kun elektra aparato. Do, la ebleco, ke cerbo, mjelo kaj nervoj estas elektra maŝino ne povas esti malakceptata. Krome ni scias ankaŭ de longe, depost la esploroj de Emile du Bois Reymond, ke aŭtoĥtonaj elektraj fluoj estas formataj en la korpo, kaj ke oni povas kontraktigi muskolon de la nervo per fluo elektra, estas ja konata depost Galvani. Do, estas efektive verŝajne, ke nia nerva sistemo estas elektra aparato, ricevanta sian fluon el la sang- kaj limfelektrolito.

Ankoraŭ unu observo: la 1 %-a kuirsal-solvaĵo montranta ĉe 15° C. 12,5 M. amperojn, supreniras ĉe $37^1/_2$° C. jam ĝis 17, kaj ĉe 40° C. ĝis 18 M. amperoj. Nun ĉiu scias, ke dum frostado la nervoj ne tiel vigle kaj forte funkcias kiel en stato de pli bona varmigiteco. Kial la printempo estas tiel sopire

atendata? Ĉar dum vintro la tuta nerva vivo estas en danĝero malleviĝi sur pli malaltan ŝtupon kaj komencas ekdormi, dum en printempo kaj somero ĝi atingas plej altan disvolvon. En fizika eksperimento same kiel en la korpo, la varmo montriĝas kiel akcelanto de la elektra fluforto.

Jen la pensoj, kiuj, post jardekoj da kuracistaj studoj kaj observoj, kondukis min kredi je elektro-ĥemia funkcio de la korpo kaj identigi nervan forton je elektro.

Sur tute malsama vojo Georg Hirth, la granda germana jurnalisto, venis al ĉi tiu problemo. Liajn okulojn unue malfermis la observado pri la efikoj de la alkoholo. Li venis al la konkludo, ke kiel en la fizika eksperimento same tiel ankaŭ en la homa korpo la alkoholo estas dielektra substanco, tio estas substanco malhelpanta la formadon de elektro kaj faranta la korpon malbona kondukilo. La homo alkoholizita laŭgrade ĉiam pli perdas la potencon pri siaj movoj, t. e. li jam ne povas sendi sian nervfluon elektran laŭ dezirata forto kie ajn estas necese, por efektivigi certajn movojn, kaj iom post iom la fluformado tute ĉesas, tiel ke fine plena senkonscieco kaj senmoveco okazas. La alkoholo ankaŭ reduktas la haltigojn konstante funkciantajn en sana cerbo, kaj per tio sin elmontras malbona amiko, ĉar ĝi forprenas de ĝi kun la haltigoj ankaŭ ĝian plej bonan gardanĝelon kontraŭ ĉiuj eblaj danĝeroj. Sed tiuj-ĉi haltigoj bazas ankaŭ sur elektraj nervimpulsoj, kiuj jam ne estas eblaj sub la influo de la dielektra efiko de la alkoholo.

Plua pruvo por la potenco de la elektrolito estas la salmalsatmorto, pri kiu en la interesa libro de Albu-Neuberg „Pri la minerala substancoŝanĝo“ kelk-io troviĝas. Oni donis al bestoj nutrajon el albumeno, karbonhidratoj, graso kaj avko, sed arte eligis ĉiujn salojn; kun tiu-ĉi nutrajo nun la bestoj restis en azotekvilibro, sed pereis malgraŭe post kelke da tempo je funkcia elĉerpiĝo. Do, ne la azotekvilibro estas la ĉefajo, kiel la oficiala skolo ĝis nun false kredis, sed same grava estas la ion-ekvilibro, de tago al tago pli detruata ĉe la eksperimento pri salmalsato. Jam la perdo de proporcie malgranda salkvanto sekviĝas la ruiniĝon de la korpo.

Plua pruvo laŭ Hirth estas ankaŭ la pervarmega frapo[1], hodiaŭ nur interpretata kiel kaloria cerbtraŭmo (lezo), sed kiu efektive estas ankaŭ sal-malsatmorto. La korpo perdas per troa kaj daŭranta ŝvitado tiom da elektrolito, ke ĝi ne povas plu formi sufiĉe da nerva fluo; tial la cerbo estas ekmalfunkcianta.

Plua pruvo estas la transvivo de la histoj (organaj teksajoj), se ili estas konservataj aŭ trabanataj en salsolvajo. En tiu rilato plej interesaj estas la eksperimentoj pri la homa koro, faritaj de la Pisana esploristo profesoro Cesaris-Demel. La koro baldaŭ post la morto estis elpreparita kaj trabanata per varma salsolvajo. Tuj ĝi ree ekbatis kaj restis viva plimalpli longe. Estas surprize, ke koroj, kiuj eble estis malfortaj kaj malelastaj laŭ la malsano de siaj posedantoj, montris en postmorta eksperimento mirindan laborkapablon. Evidente ili nur post la morto de siaj posedantoj venis en pli bonajn cirkonstancojn, ĉe kiuj ili estis finfoje trabanataj per elektro-geneta medio de la necesa ionizo kai rapideco, medio respondanta al ilia heredita hista strukturo. „Kia ironio de la sorto, sed kia triumfo ankaŭ por la potenco de la elektrolito.“

Tie-ĉi ankaŭ estu citataj la miregigaj sukcesoj de la infuzoj de salsolvajoj, aplikataj hodiaŭ ĉe ĉiuj eblaj malsanoj, sed kies efiko estas plej evidenta ĉe gravaj sangelfluoj. Vidinte, kiel homo pro tre abunda sangoperdo kuŝas senpulse kun neaŭdebla korbato kaj tute pala, kaj kiel la sama homo post infuzado de unu litro da korpovarma fiziologia kuirsal-solvajo en la rektumon, kelke da minutoj poste denove malfermas la okulojn, ricevas koloron kaj tre baldaŭ resaniĝas, oni ankaŭ jam ne povas dubi pri la vivdonanta efiko de ĉi tiu elektrolito, kaj oni ankaŭ ekvidas, ke nur elektraj fortoj estas alportantaj la vivon, ĉar en la salsolvajo ja neniaj aliaj fortoj estas entenataj. La kontraŭdiroj, ke tio estas nur sekvo de la plenigado de la angioj per akvo, ne povas esti prave starigata, ĉar montriĝis, ke nura akva enŝprucigado tute ne havas la efikon de la salsolvajo.

Ankaŭ la eksperimento kun bestoj konfirmis tion. Hirth skribas pri tio:

„Al malvarmeta rano, kiun konsideri kiel varmomaŝinon jam estus preskaŭ ridinde, la lasta sangguto estas eltirita. Senmove kuŝas la mizerulo, ĉiuj vivsignoj malaperis. Nun, anstataŭ sango, estas enfluata ĉirkaŭe 1 %-a kuirsal-solvajo, kiu eĉ ne bezonas esti varmigita — kaj jen post kelka tempo la asfiksiulo, ŝajne mortinta, denove moviĝas. Ĝi saltas, kaj buŝkaptas muŝojn. La miraklo ĝis nun restis sen klarigo; komprenebla ĝi fariĝis nur per mia hipotezo bazanta sur tiu kredo, ke ne la kvanto kaj varmo de la infuzo, sed ties elektrogeneta eco funkciigis denove la ĉelojn de la eta malvarmsangulo.“

Mi jam laŭ miaj kuracistaj spertoj pri nutrado kaj varmkuracado venis al la konkludo, ke la oficiala nutrada doktrino ne povas esti ĝusta kiam ĝi asertas, ke la varmo formata el nutrajo transformiĝas en la korpo ankaŭ en aliajn fortojn, kaj al mi estis trudata ĉiam pli la konkludo, ke albumeno, karbonhidratoj kaj graso estas nur konstrusubstancoj kaj varmoliverantoj, kaj ke la ĉefa funkciada forto de la korpo devas esti en interrilato kun la saloj. Tiam venis la verkoj de Georg Hirth en miajn manojn, kaj nun mi vidis ĝojante, ke ĉi-tie de tute malsama flanko estas celata la sama punkto, kaj ke Hirth per senlaca diligento kaj vere brilanta sagaco kunportis amason da pruvoj por la elektro-ĥemia funkciado de la korpo. Estas vere, ke Hirth iras unu paŝon tro malproksimen. Li opinias, ke en la elektro li malkovris la vivforton. Tio estas multe tro materia kompreno. La vivo ne estas nur materia forto kaj substanco, sed ankaŭ psiko. Mi ne kredas entute, ke ekzistas aparta vivforto: mi pensas, ke ĉiuj fortoj de la naturo efikantaj en nia korpo estas vivfortoj. Do, tio-ĉi estis erara konkludo de Hirth. Sed kiom estas la afero pri la korpo kiel materio, tiom estas sen iu dubo, ke la ĉefa funkcia forto de nia korpo estas la elektro; ke ni devas identigi nervan forton kaj elektron unu kun la alia. Mi publicis en la marta kaj aprila numero de la „Archiv für physikalisch diätetische Therapie in der Praxis“ detalan artikolon al honoro de Hirth rilate la tezon pri elektroĥemia funkcio de la organismo, kaj petas interesulojn informiĝi pri la pluaj faktoj. Mi starigis tie precipe ankoraŭ la tezon, ke estas tri fortoj, sur kies unuigita kunlaboro bazas nia korpa vivo, nome: elektro, varmo kaj elasto, kaj mi ankaŭ tie ekzamenis kontraŭdirojn.

Mi deziras ĉi-tie ankoraŭ aldoni, ke tiu-ĉi nova interpretado de la vivo devas eksterordinare riĉiĝe efiki sur nia kuracista pensado kaj agado. Falas per unu fojo hela lumo tien, kie oni alie nur penplene palpaĉis en mallumo. Oni nur pensu pri la konstruo de la cerbo kaj pri la gangliĉeloj de la grandcerba ŝelo, sidantaj kiel elektraj ardaj lampetoj sur la nerva fadeno. La lingvo jam en antikva tempo per delikata instinkto divenis la ĝuston, transigante la esprimon „lumigi“ ankaŭ en la spiritan. En nia cerbo evidente konstante havas lokon iluminado de miloj da ardaj lampetoj, kaj ekz. por revivigi en mi la portreton de mia mortinta patro, eble dek-kvin mil ardaj lampetoj estas necesaj, kiuj ĝuste devas esti metataj kaj lumigataj. Oni do povas kompreni, ke iu ne estas kapabla kompreni ion, ĉar li ne posedas la necesajn ardajn lampetojn; aŭ ili ne orde funkcias, kaj li ne povas igi asociajn interligojn inter unuopaj. En cerbo evolukapabla konstante novaj telefonfadenoj estas metataj, t. e. nervfibriloj postkreskas kaj tiel

[1] G.: Hitzschlag; F.: coup de chaleur; A.: heatstroke.

devenas novaj kondukiloj ebligantaj novajn pensinterdependojn.

Mi eĉ opinias, ke ni posedas sistemon de senfadena telegrafio en nia korpo, tio estas la ganglîĉeloj de la simpatiko. La nekonscia vivo pretendas ja, ankaŭ ĉe ni, multe pli da spaco ol la konscia, kaj la simpatiko estas do nekonscie laboranta sistemo, ricevanta ĉiam informojn de senfadena telegrafado el la universo, pri kio ni unue ne sentas ion kaj kiuj por ni nur konsciiĝas, se ili estas densigataj ĝis certa grado. Tiel estas parte klarigeblaj la adaptiĝoj per tio, ke la korpo estas konstante influata el la ĉirkaŭanta medio per tiaj kosmaj sendajoj.

Ankaŭ la seksa vivo ricevas per tio novan lumigon; ne nur altiro kaj forpuŝo en la seksa regiono tre bele lasas sin kompari kun la respondanta aperajo de la pozitiva kaj negativa elektro, sed ankaŭ la seksan agon mem oni povas karakterizi de ĉi-tiu vidpunkto kiel elektran brilantan fajrajon.

Kelke da malsanstatoj, figurantaj ĝis nun en la medicino nur kiel vorto sen pli profunda klarigo, nur tiamaniere venas al vivplena kompreno. Oni pensu pri la neŭrastenio, tiu turmento de la moderna kultura homo. La oficiala doktrino scias rakonti al ni centojn da detaloj pri la neŭrastenio; sed la kernon de la afero ĝi ne trafas. Neŭrasteniulo estas simple homo, kies elektraj centroj, cerbo kaj mjelo, ne posedas sufiĉe da fluo, tiel ke la lampoj konstante al li tro frue estingiĝas, aŭ li tute ne povas ilin ekbruligi. Tio dependas malpli de la kvalito de tiu-ĉi elektra aparato, ol de lia sangelektrolito, pro mankanta ion-ekvilibro ne funkcianta plu sufiĉe kiel elektrogeneto (elektro-naskanto).

Ni penetris hodiaŭ pli profunde en la sekreton de la naturo. La fortoj efikantaj en nia korpo fariĝis pli klaraj por ni. La moderna fiziko ĉiujn fortojn rekondukas al unu, nome al la elektro. Estus ja nun tre mirinde, se ĉi-tiu centra forto de la naturo ne ludus ankaŭ en ni tre gravan rolon.

D-ro med. *Wilhelm Winsch.*

---

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **Aera poŝtservo inter Nederlando kaj Anglujo.** — La nederlanda Komerca Ĉambro en Londono proponas enkonduki aeran poŝtservon inter Nederlando kaj Anglujo. La distanco estas ĉirkaŭ 300 kilometroj. La flugaparatoj, kiuj povas atingi 180 km hore, trapasos ĝin en 1 horo kaj 40 minutoj. Dum malbona vetero la daŭro estos iom pli longa. Okazos ĉiutage du vojaĝoj de Londono kaj de Hago je la oka matene kaj je la dua posttagmeze. Je ĉiu vojaĝo letersakoj pezantaj 300 kg estos kunportataj.

.·. **Kresko de la francaj urboj dum la milito.** — La alveno de multaj rifuĝintoj el la nordo kaj la granda disvolvo de la milit-industrioj havis kiel konsekvencon gravan plialtiĝon de la loĝantaro en la francaj urboj, kiuj antaŭ la milito nur malrapide kreskis.

Jen kelkaj pruvaj ciferoj: Marseille kreskis de 550,000 al preskaŭ 1 miliono, Lyon de 530,000 al 740,000, Bordeaux de 201,000 al 325,000, Toulouse de 150,000 al 210,000, Saint-Etienne de 145,000 al 210,000, Nice de 142,000 al 180,000, Le Havre de 136,000 al 200,000, Bourges de 49,000 al 110,000, Angoulème de 35,000 al 55,000, Brest de 90,000 al 105,000 Rennes de 79,000 al 96,000, Orléans de 72,000 al 110,000, Tours de 67,000 al 100,000, Le Mans de 69,000 al 98,000, k. t. p.

.·. **La orproduktado kaj la milito.** — La kresko de la laborkostoj kaŭzis, ke pluraj orminoj ne plu estas ekspluatataj. La minoj kiuj ne havas tre riĉan vejnon ne plu povas profite labori. El tio sekvas, ke la monda orproduktado malkreskas dum la bankbileta irkulado ĉie kreskas en grandega proporcio. En la momento kiam ĉiuj registaroj kredite elspezas grandegajn sumojn, estus necese plialtigi la orrezervojn, kiuj estas la sola materia garantio, je kiu la ŝtatoj povas kalkuli.

La mondaj orrezervoj povas esti taksataj je 50 miliardoj da frankoj. Komence de la milito, la ŝuldoj de la militantaj regnoj atingis 141 miliardojn. (Francujo 37, Britujo 17½, Italujo 15, Usono 6, Germanujo 25, Aŭstrio 20, Turkujo kaj Bulgarujo 4). La proporcio de la monda orrezervo, rilate al la ŝuldo de tiuj landoj atingis do 35 % antaŭ la milito. Sed je la fino de 1917, tiu ŝuldo komprenehle kreskis grandege; ĝi atingis 635 miliardojn da frankoj (Britujo 134, Francujo 90½, Rusujo 104, Italujo 46, Usono 42, Germanujo 128, Aŭstrio 81, Turkujo kaj Bulgarujo 10). La orrezervo do nuntempe reprezentas nur 8 % de tiu ŝuldo. Dum la elspezoj kaj kreditoj grandege kreskas, la orproduktado ne sole ne kreskas, sed eĉ komencas malkreski. La oro, kiu garantias la bankbiletojn kaj ŝtatpruntojn, fariĝis malgrandega garantiaĵo kompare al la grandegeco de tiuj emisioj.

En Britujo kaj Usono oni ekmaltrankviliĝas pri la malkresko de la orproduktado. Oni intencas fari certajn aranĝojn por malpliigi la ŝarĝojn, kiuj pezas sur la minaj societoj, kaj eĉ parolas pri ŝtata ekspluatado de la minoj kun malriĉa vejno.

Aliaj specialistoj deziras, ke oni plialtigu la valoron de l' oro, malpliigante la pezon de la ormoneroj, kiuj tamen konservus la saman nominalan valoron. Tio estis la procedo de la reĝoj de la XVa jarcento. Tiu rimedo neeviteble kaŭzus ĝeneralan krizon de la kredito.

Aliaj ekonomiistoj, kiuj eble estas la plej pravaj, opinias, ke la rolo de l'oro en la mondo perdis sian gravecon. Oni devas ĝin konsideri nur kiel simbolon, kaj ne estas grave, ĉu ĝi reprezentas la kvin aŭ kvindek procenton de la bankbileta cirkulado. La vera riĉeco de lando dependas de la krudaj materialoj, kiujn ĝi posedas, de ĝia industria produktado, de la laboro de ĝiaj loĝantoj. Sur tio ĉi pli ol sur la orrezervo devas bazi la nacia kredito. — *T. G.*

.·. **Kio estas unu miliardo.** — La pezo de unu miliardo da oro estas 322,580 kilogramoj, ĝia volumo egalas 17 metrojn kubajn; eltirita ĝi formus rubandon, kiu farus mondan ĉirkaŭiron. Por ĝin transporti, oni bezonus 64 vagonojn etendiĝantajn lau 400 metroj. Transformita en ormoneroj, flanke unuj de aliaj, tiu ĉi miliardo kovrus 1,100 kilometrojn; en pilo, ĝi atingus altecon da 33,000 metroj, okfoje la Blanka Monto. Por ĝin levi en bloko, 6,000 homoj estus necesaj.

Unu miliardo da arĝento pezas 5,000,000 kilogramojn, ĝia volumo estas 447 metroj kubaj. Por ĝin transporti oni devus jungi al giganta ĉaro 5,000 ĉevalojn aŭ ĝin meti en 1,000 vagonojn je kvin tunoj ĉiu laŭ longo de 6 kilometroj. Oni povus fari de ĝi 636 soldatojn de natura grandeco el masiva arĝento.

En bankbiletoj de 1000 frankoj, unu miliardo pezus 1780 kilogramojn, kaj 11,500 en biletoj de 100 frankoj. Por ilin porti, oni bezonus 115 homojn ŝarĝitajn po 100 kilogramoj, kaj nur 18 homojn, se la biletoj estus 1000-frankaj.

Se vi ilin metus en volumoj, vi havus bibliotekon de 2000 libroj, el kiuj ĉiu havas po 500 folioj. Ho! tiam, kiu ne volus esti librokolektanto?

Kalkulisto kiu, depost la Kristnasko metus, en fosajon terure profundan, unu frankon ĉiuminute, apenaŭ estus fininta hodiaŭ tiun enmeton.

Kaj tie ĉi ni parolas nur pri mizera malgranda miliardo, dum nuntempe la batalantaj ŝtatoj jonglas kun tridek, kvardek, kvindek miliardoj kaj eĉ plimulte.

Pensu ankoraŭ ke Mathusalem (kvankam lia vivo estas ĉirkaŭ dek jarcentoj), ne estus vivinta sufiĉe, se li havus la forton liniigi sur la papero la ciferojn, kiujn necesigas kvindek miliardoj.

*Jv. H. Kr-off.*

 LITERATURO 

# En vojaĝo

Novelo de **Guy de Maupassant**

---

Guy de Maupassant (1850—1893), fama franca novelisto kaj romanverkisto. En Esperanton jam estas tradukita, krom kelkaj noveloj, lia lasta verko *La Horla* (Biblioteko de „Lingvo Internacia").

De Cannes la vagono estis plena; oni babilis, ĉiuj konis sin reciproke. Kiam oni pasis Tarascon, iu diris: „Do, ĉi-tie oni mortigas." Kaj oni komencis paroli pri la mistera kaj nekaptebla mortiginto, kiu jam de du jaroj pereigas, de tempo al tempo, vivon de iu ajn vojaĝisto. Ĉiu supozis ion, ĉiu diris sian opinion; la virinoj tremrigardis la malhelan nokton post la fenestraj vitroj, kun la timo, subite ekvidi homan kapon tra la pordo. Oni rakontis terurajn historiojn pri malbonaj renkontoj kun frenezuloj en rapidvagonaro, aŭ pri horoj pasigitaj apud suspektinda persono.

Ĉiu rakontis anekdoton, ĉiu kun miriga kuraĝo timigis, ĵetis teren aŭ ligis rabiston. Iu kuracisto, kiu ĉiam pasigis vintron en Sudo, volis siavice ankaŭ rakonti aventuron:

„Mi, li diris, neniam havis la ŝancon eksperimentigi mian kuraĝon en tia afero; sed mi konis virinon, unu el miaj klientinoj, nun mortintan, kiun trafis unu el la plej strangaj okazintaĵoj en la mondo, kaj certe ankaŭ la plej mistera kaj la plej kortuŝanta.

Ŝi estis rusino, grafino Mario Baranow, tre grava persono, de ĉarma beleco. Vi eble scias, kiel rusinoj estas belaj, almenaŭ kiel ili ŝajnas al ni belaj, kun sia subtila nazo, sia delikata buŝo, siaj alproksimigitaj okuloj de nedifinebla koloro grizblua, kaj sia malvarma gracio, iomete severa!

Ili havas ion ruzan kaj ŝercan, ion imponan kaj dolĉan, ion mildan kaj severan, tute ĉarmajn por franco. Sed tio estas eble nur la diferenco de raso kaj tipo, kiu montris al mi tiom da ecoj en ili.

Estante ŝia kuracisto, de multaj jaroj, mi vidis ŝin minacata de pulma malsano; mi penis decidigi ŝin veturi al suda Francujo, sed ŝi obstine rifuzis forlasi Peterburgon. Fine la lastan aŭtunon, konsiderante ŝin neresanigebla, kuracisto avertis la edzon, kiu tuj ordonis al sia edzino forvojaĝi Mentonon.

Ŝi prenis vagonaron, sola en vagono, ŝiaj geservistoj okupis aliajn lokojn. Ŝi restis ankaŭ la pordkurteno, iomete malgaja, rigardante la pasantajn vilaĝojn; ŝi sentis sin sola, forlasita en la vivo, sen infanoj, preskaŭ sen parencoj, kun edzo, kies amo estis estingita, kaj kiu ĵetis ŝin tiamaniere al la limo de l' mondo, eĉ ne akompanante ŝin, same kiel oni sendas malsanan lakeon en hospitalon.

Je ĉiu stacio, servisto Ivano venadis informiĝi, ĉu io mankas al la mastrino. Li estis maljuna servisto, blinde sindonema, preta plenumi ĉiujn ordonojn, kiujn ŝi donus lin.

Nokto alvenis, la vagonaro kuregis. Ŝi ne povis dormi pro troa laciĝo. Subite kaptis ŝin la penso, kalkuli la monon, kiun ŝia edzo enmanigis al ŝi en franca oro je la lasta momento. Ŝi malfermis malgrandan monujon kaj fluigis sur la genuojn ondon de brilanta metalo.

Sed en tiu momento blovo de aero atingis ŝian vizaĝon. Surprize ŝi levis la kapon. La pordo ĵus malfermiĝis. Grafino Mario, timigita, ĵetis rapideme ŝalon sur la monon etenditan je ŝia jupo, kaj atendis. Kelkaj sekundoj pasis, poste aperis homo, sen ĉapelo, kun vundita mano, malfacile spiranta, vestita per frako. Li fermis la pordon, sidiĝis, ekrigardis kun brilantaj okuloj sian najbarinon kaj poste li ĉirkaŭvolvis per poŝtuko manon, kiu sangis.

La juna virino svenis de timo. Tiu homo, certe, vidis ŝin kalkulanta la oron, kaj venis ŝteli ĝin kaj mortigi ŝin.

Li kun ekscitita vizaĝo rigardis ŝin ĉiam, malfacile spirante, preta sendube salti al ŝi.

Li diris abrupte:

— Sinjorino, ne timu!

Ŝi nenion respondis, ne kapabla malfermi la buŝon, aŭdante la batadon de sia koro kaj la tintadon de siaj oreloj.

Li rediris:

— Mi ne estas malbonfaranto, sinjorino.

Ŝi ĉiam nenion diris, sed pro forta movado, kiun ŝi faris, ŝiaj genuoj alproksimiĝis, la mono derulis sur la tapiŝon, same kiel akvo el defluilo.

La homo, mirigita, rigardis tiun metalan torenton kaj tuj kliniĝis por levi ĝin.

Ŝi, timigita, leviĝis, ĵetante teren sian tutan posedaĵon kaj ekkuris al la pordo por ĵeti sin eksteren. Li tuj komprenis kion ŝi volas fari, eksaltis, kaptis ŝin en siaj brakoj, devigis ŝin sidiĝi, kaj subtenante ŝin per la manoj: „Aŭskultu min, sinjorino, mi ne estas malbonfarulo, kaj por pruvi ĝin al vi, mi levos la monon kaj mi redonos ĝin al vi. Mi estas perdita homo, morta homo, se vi ne helpos min pasigi la landlimon. Mi ne povas pli diri al vi. Ankoraŭ unu horon, ni estos ĉe la lasta rusa haltejo; kaj post horo kaj dudek ni trapasos la limon de l' imperio. Se vi ne helpos min, mi estas perdita kaj tamen, sinjorino, mi nek mortigis, nek ŝtelis, nek mi faris ion malindan de honoro. Mi ĵuras ĝin al vi. Krom tio mi nenion povas diri al vi.

Ĵetinte sin surgenuen, li levadis la oron de sub la benkoj, serĉanta la lastajn monerojn, kiuj malproksimen forruliĝis. Poste, kiam la malgranda sako estis denove plena, li transdonis ĝin al sia najbarino, ne dirante unu vorton, kaj iris okupi lokon en alian angulon de la vagono.

Ili ne moviĝis plu, nek la unu, nek la alia. Ŝi restis senmova kaj muta, ankoraŭ malfortigita de teruro, sed trankviliĝanta iom post iom. Li ne faris unu geston, nek unu movon; li restis rekta, kun la okuloj fiksitaj antaŭ si, tre pala, kvazaŭ li estus senviva.

De tempo al tempo ŝi ĵetis liaflanken rapide deturniĝantan rigardon. Li estis homo de ĉirkaŭ tridek jaroj, tre bela, kun eksterajo de nobelo.

La vagonaro forŝoviĝis en la krepusko, ĵetante tra la nokto siajn disŝirantajn voĉojn, malrapidigante iafoje la iradon, poste ĝi foriris kun plena rapideco. Subite ĝi trankviligis la movadon, ekfajfis kelkfoje kaj haltis komplete.

Ivano aperis ĉe la pordkurteno por ricevi ordonojn.

Grafino Mario, kun tremanta voĉo, rigardis ankoraŭ unufoje tiun strangan akompananton, poste ŝi diris severe al la servisto:

— Ivano, vi reiros al grafo, mi ne bezonas vin plu.

La homo, mirigita, malfermis grandajn okulojn. Li ekbalbutis:

— Sed ..., sinjorino.

Ŝi rediris:

— Ne, vi reiru, mi ŝanĝis decidon. Mi deziras, ke vi restu en Rusujo. Prenu, jen mono por reiri. Donu al mi vian kepon kaj mantelon.

La maljuna servisto, timigita, sin senvestigis kaj donis la mantelon, ĉiam obeante senresponde, kutimigita al subitaj voloj kaj nesubigeblaj kapricoj de la estroj. Li foriris, kun larmoj en la okuloj.

La vagonaro ekmoviĝis, kurante al la limo. Tiam grafino Mario diris al sia najbaro:

— Tiuj vestaĵoj apartenas al vi, sinjoro, vi estas Ivano, mia servisto. Mi metas nur unu kondiĉon al mia ĝisnuna agado: vi al mi neniam parolos, vi al mi neniam diros unu vorton, nek por danki, nek por io ajn alia.

La fremdulo kliniĝis, nenion dirante.

Post nelonge oni haltis denove, kaj oficistoj en uniformoj vizitis la vagonaron. La grafino donis al ili paperojn kaj, montrante la homon, sidantan en profundaĵo de vagono:

— Tio estas mia servisto Ivano, kies pasporto estas ĉi-tie.

La vagonaro ekmoviĝis.

Dum tuta nokto ili restis unu kontraŭ alia, ambaŭ senparolaj.

Matene oni haltis en germana stacidomo; la nekonato eliris; poste, starante apud la pordo:

— Pardonu, sinjorino, ke mi rompas la promeson; sed mi lasis vin sen servisto, do estus bone, ke mi anstataŭu lin. Ĉu vi ion bezonas?

Ŝi respondis malvarme:

— Alvoku mian servistinon.

Li obeis kaj tuj malaperis. Kiam ŝi malsupreniris en la bufedon, ŝi rimarkis de malproksime, kiel li observas ŝin. Ili alvenis Mentonon."

* * *

La kuracisto silentis sekundon, poste li rekomencis:

„Iam, akceptante klientojn en mia kabineto, mi rimarkis grandulon, kiu diras al mi:

— Doktoro, mi venas por demandi vin pri grafino Mario Baranow. Mi estas, kvankam ŝi min tute ne konas, bona amiko de ŝia edzo.

Mi respondis:

— Ŝi estas neresanigebla. Ŝi ne plu reiros Rusujon.

Tiu homo subite komencis forte plori, poste li stariĝis kaj eliris ŝanceliĝante kiel drinkulo. La saman vesperon mi informis la grafinon, ke iu fremdulo venis demandi min pri ŝia sanstato. Ŝi ŝajnis kortuŝita kaj rakontis al mi la historion, kiun mi ĵus rediris al vi. Ŝi aldonis:

— Tiu homo, kiun mi tute ne konas, trenas sin kiel ombro post mi, mi renkontas lin ĉiufoje kiam mi eliras; li rigardas min kun iomete stranga maniero, sed li neniam alparolis min.

Ŝi iom meditis, poste ŝi aldonis:

— Atendu, mi vetas, ke li estas nun sub miaj fenestroj.

Ŝi forlasis sian kuŝseĝon, forŝovis la kurtenojn kaj montris al mi efektive tiun saman homon, kiu alparolis min; li sidis sur benko, kun okuloj turnitaj al la hotelo. Li ekvidis nin, stariĝis kaj malproksimiĝis, ne returnante eĉ unufoje la kapon.

De tiam, mi ĉeestadis mirindan kaj tamen dolorantan spektaklon, mutan amon de du estaĵoj, kiuj absolute ne konas unu la alian. Li amis ŝin sindoneme, simila al savita besto, dankeme kaj fidele ĝis morto. Li venis ĉiutage diri al mi: „kiel ŝi fartas?", sciante ke mi divenas ĝin. Kaj li ploris terure, kiam li vidis ŝin ĉiutage pli malforta kaj pli pala.

Ŝi diris al mi:

— Mi parolis nur unu fojon al tiu stranga homo, sed ŝajnas al mi, ke mi jam dudek jarojn konas lin.

Kiam ili renkontis unu la alian, ŝi redonis lian saluton kun grava kaj ĉarma rideto. Mi sentis, ke ŝi estas feliĉa, ŝi tiel forlasita, ŝi, kiu sciis, ke ŝi estas neresanigebla, mi sentis, ke ŝi estas feliĉa, esti amata tiamaniere, kun tiu estimo kaj konstanteco, kun tiu troa poezio, fine, kun vera sindonemo preta al ĉio. Kaj tamen fidela al sia ekzalta obstineco, ŝi malespere rifuzis akcepti lin, koni lian nomon. Ŝi diris: „Ne, ne, tio detruos la strangan amikecon. Estas necese, ke ni vivu fremdaj unu al alia."

Ŕilate lin, li efektive apartenis al speco de „Don Quijote", ĉar li nenion faris por alproksimiĝi ŝin. Li volis teni ĝis la fino sian stultan promeson, faritan en vagono, ke li neniam ŝin alparolos.

Ofte, dum siaj longaj horoj de sufero, ŝi leviĝis de la kuŝseĝo kaj iris malfermi la kurtenon por konstati, ĉu li estas ĉi-tie, sub la fenestro, kaj kiam ŝi ekvidis lin, ĉiam senmovan sur la benko, ŝi reiris kuŝiĝi, kun rideto sur la lipoj.

Iun matenon ŝi mortis, ĉirkaŭ la deka horo. Kiam mi eliris el la hotelo, li venis al mi, kun embarasita vizaĝo; li jam sciis la novaĵon.

— Mi volus ŝin vidi, antaŭ vi, unu sekundon, li diris.

Mi prenis lian brakon, kaj mi reiris en la domon.

Kiam li troviĝis antaŭ la lito de la mortintino, li prenis ŝian manon kaj kisis ĝin, kun senfina kisado, poste li forkuris kiel frenezulo."

La kuracisto denove silentis, kaj poste li diris:

„Jen, efektive, estas la plej stranga fervoja aventuro, kiun mi konas. Oni povas diri, ke la homoj estas strangaj frenezuloj."

Virino ekbalbutis duonvoĉe:

— Tiuj ambaŭ estaĵoj estis malpli frenezaj ol vi pensas. Ili estis ... ili estis ...

Pro tio, ke oni ŝanĝis temon, kun intenco trankviligi ŝin, oni poste ne sciis, kion ŝi volis diri.

Trad.: *Henriko Jakubowicz.*

# Bovino, bufo kaj ambaŭ kampuloj

Leginte la amuzan bulgaran historieton, aperintan en maja numero de „*Esperanto*", mi memoris pri franclingva jurnalartikolo enhavanta iel similan anekdoton. Eble rumana samideano povus konigi al ni, se ĝi ekzistas vere, la originalan pli valoran formon de tiu rakonto. — *G. S.*

Unu el miaj amikoj ĵus verkis historian libron, kiu temas eble pri Centjara milito, eble pri Duroza milito, ĉiuokaze pri unu tiaj aventuroj, el kiu ambaŭ partioj eltiris grandan honoron, ĉar ne ekzistas ekzemplo, ke popolo, kion ajn ĝi faris, iam sukcesis malhonoriĝi.

Mia amiko estus dezirinta por sia libro antaŭskribon de akademiano. Mi konsilis al li ne malkvietiĝi la akademianojn, kaj antaŭiĝi sian historian verkon per tre malnova rumana legendo, kiu, antaŭ nelonge konigita, donis al mi nekomunan estimon por la balkana folkloro.

Volu juĝi pri ĝi:

Du kampuloj, forte ebriaj, revenas de l' foiro. Unu el ambaŭ kunkondukas bovinon, kiun li ĵus aĉetis.

Sur la bordo de l' vojo, ili ekvidas saltetantan bufon, grandegan kaj pustularan.

— Se vi manĝas tiun bufon, diras la unua kampulo, mi donas al vi mian bovinon.

— Tute kruda?

— Tute kruda.

La dua kampulo rigardas la bufon, kiun li trovas naŭziga, poste la bovinon, kiun li opinias alloga. Kuraĝe li ekenglutas la bufon; sed, la duonon de l' laboro farinte, li ja konscias, ke li nepre ne povos ĝin elfini, kaj ke la bovinon li perdas. Zorgante nenion pri tio vidigi, li diras al la alia, kiu jam bedaŭras sian promeson:

— Se vi manĝas la restaĵon de l' bufo, vi povos konservi la bovinon.

La posedanto de l' bovino tiam finigas la festenon.

Poste ambaŭ kampuloj rigardas unu la alian, treege stultaj kaj konsternataj pri la rezulto, kiun alportis ilia veto.

Sed, tuj la morgaŭon, ili montriĝas senmezure fieraj pri sia faro. Kaj ĉiu el ili fanfaronas, ke li manĝiĝis de la alia bufduonon.

— Ĝi havas nenian sencon, via rumana legendo, diris al mi mia amiko. Tio tute ne povas utili kiel antaŭskribo por historia libro.

Li eble estas prava; estas pli bone uzi ĝin kiel konkludon!

El franca lingvo tradukis: *G. Stroele.*

# Al niaj aŭstrio-hungaraj abonantoj

Ĉar nia gazeto denove povas esti sendata al Aŭstrio-Hungario, ni ekspedis al niaj abonantoj la aperintajn numerojn de nia gazeto, kiujn ili ne ankoraŭ posedis. Ni esperas, ke ili ĝuste atingis la adresatojn. Nericevitajn numerojn ni ne povos sendi duan fojon, ĉar nia provizo estas elĉerpita.

Ni petas ĉiujn niajn aŭstrio-hungarajn abonantojn, ke, tuj kiam informite pri la finiĝo de sia abono, ili bonvolu sendi sian abonpagon al nia reprezentanto, S-ro D-ro Ed. Sós, Tuchlauben 18, I, Wien. Pro la grava monŝanĝa diferenco kun Svisujo, ni estas devigataj fiksi la prezon de la abono en Aŭstrio-Hungario je **8 Kronoj.**

 ESPERANTISMO 

# Malnova novaĵo

Ekzistas en Germanujo certa S-ro Fritz Stephan, eltrovinto de lia „plibonigita Esperanto“ (cetere tute senvalora), sekve prezidanto aŭ direktoro de societo kaj ĉefredaktoro de jurnaleto, kiun li nomas: „La Esperantano“ (Der Esperanto-Anhänger). Pri la sukcesoj de la pasinta jaro li estas kontentega, ĉar la enspezoj kreskis de 1708 Mark al 1918; do, je 2 Mark po persono, li gajnis tutan centon da adeptoj. El la 9500 personoj, kiuj dum 1917 aĉetis de li lernolibrojn, aliĝis do iom pli ol unu procento. Tamen, malpli modesta ol tiu progreso de lia societo, estas lia maniero propagandi: per multegaj anoncoj en germanaj gazetoj li klopodas vendi siajn gramatikojn, varbi por la „Ligo de la Esperantani“ (Verband der Esperanto-Anhänger) kaj malbonfamigi la belan lingvon de Zamenhof, akaparante la nomon Esperanto por sia fuŝaĵo. Tial la Germana Esperanto-Asocio devis jam diversfoje sin okupi pri tiu sinjoro kaj, se mi ne eraras, procesis kontraŭ li. Ne estus do kaŭzo, ke ankaŭ UEA lin honorigus je atento, sed en „Malfermata letero al S-ro Prof. Dieterle“ [la meritplena direktoro de la Saksa Esperanto-Instituto en Leipzig] li uzas statistikojn de UEA por pruvi la malsukceson de la Esperanto-movado.

Stephan skribas: „... depost la publikigo de plibonigita Esperanto la adeptoj de tiu sistemo plimultiĝis ĉiam pli rapide, kontraŭe la membraro de Malnova Esperanto fandiĝas vere terure. Aŭ ĉu vi eble ankaŭ neos tion? Bone, tiam mi devos alkonduki la pezajn kanonojn, publikigante:

„La membraro de Universala Esperanto-Asocio, sidejo en Ĝenevo, do de la internacia societo por Malnova Esperanto, estis je

| | |
|---|---|
| 1 julio 1912 | 7438 |
| 1 julio 1913 | 5465 |
| Jarfino 1917 | 2191 |

„El tiuj ciferoj vidiĝas, ke la malmultiĝo ne povas esti pravigata per la milito, sed ke ĝi komencis jam de 1912, la jaro kiam la plibonigita Esperanto aperis, kaj kiel vi scias ne estis milito tiam. Sekve la plej potenca kaj plej granda societo por Malnova Esperanto, je kiu aliĝis ankaŭ preskaŭ ĉiuj germanaj malnovesperantistoj, havas entute, diru kaj skribu, 2191 membrojn, kaj kiom el ili forfalos dum 1918? Kun aliaj vortoj, el la pretenditaj milionoj de malnovesperantistoj restis entute 2191. Kaj la aliaj? Faru iam al vi la plezuron, Sinjoro Profesoro, kaj demandu la eksiĝintajn membrojn de UEA, pri kiu antaŭe oni gloris, ke ĝi havas konsulojn en 1000 lokoj, kial ili forlasis malnovan Esperanton? Ĉu vi scias kion minimume 99 % el ili respondos: „Ĉar mi transiris al la plibonigita Esperanto, ĉar nur tiu estas tiel perfekta kaj praktike uzebla, ke sendube ĝi estos baldaŭ la ĝenerale enkondukita mondlingvo.“

Nu, la diferenco inter 7400 kaj 5400 estas 2000, tiu inter 7400 kaj 2200 eĉ 5200 kaj la 99 % el tio proksimume la samo. Stephan, laŭ propra pretendo, havas 700 pagintajn membrojn. Sekve — sekvas simple, ke mi ne povas sekvi lian kalkulmanieron, verŝajne lia matematiko estas „plibonigita“ kiel lia lingvo.

Pli interesaj ol liaj kalkuloj estas liaj ciferoj pri UEA. Ili ne estas mensogaj, sed nur plezure kunmetitaj por pruvi malverajon. La du ciferoj: 7438 por 1912 kaj 5465 por 1913, starigitaj la 1 julio, devenas verŝajne el iu kongresa presaĵo, kaj ni volonte konsentas, ke tiuj porkongresaj ciferoj inter 1909 kaj 1913 ne estas ĉiam tute precizaj: el la multaj kategorioj de membroj, kiujn ni tiam havis pro financaj kaŭzoj, oni laŭokaze nur kalkulis la ĉefan kategorion, aŭ plurajn, aŭ ĉiujn. Tial ni donas sube la ciferojn de la bilancoj, ĉiam je la 31 oktobro. La tria cifero de Stephan 2191 por la jarfino (fakte 31 oktobro) 1917 estas korekta, sed mankas la 265 Subtenantoj kaj Dumvivaj Membroj.

| 31 oktobro | Membroj UEA | Enspezoj en frankoj, el Membroj kaj Subtenantoj |
|---|---|---|
| 1911 | 7812 | 7,913. 40 |
| 1912 | 8841 | 10,070. 03 |
| 1913 | 6276 | 13,334. 81 |
| 1914 | 7233 | 15,483. 25 |
| 1915 | 2699 | 5,936. 75 |
| 1916 | 2729 | 5,817. 14 |
| 1917 | 2456 | 5,120. 28 |

Rilate la jaron 1912 S-ro Stephan ĝoju, estas eĉ 2565 „malnovaj Esperantistoj“, kiuj ŝajne konvinkiĝis pri la supereco de lia sistemo. Nur, kia miro, kreskis pro tia eksiĝo la enspezoj el kotizaĵoj je pli ol 3000 Fr.; estis la plej bona financa progreso, kiun UEA iam faris.

La solvo estas simpla: De la jaro 1913 ni duobligis la antaŭan kotizaĵon, postulante Fr. 2. 50 anstataŭ 1. 25 kaj lasante al la Delegitoj 50 ct. anstataŭ 25. Certa perdo de membroj estis memkompreneble antaŭvidata; ĉiam ja malmultiĝas la klientaro se superas la prezoj, sed malgraŭ tio la eksperimento bonege sukcesis.

Fakto estas, ke de ĝia fondiĝo, la enspezoj de UEA el kotizaĵoj regule plimultiĝis; ke dank' al la du plialtigoj de la kotizaĵo (1910 kaj 1913) UEA povis notinde plibonigi sian situacion, kaj ke dum 1914 la nombro de la membroj denove kreskis je mil, tiel ke sen la milito la asocio estus jam dum 1915 verŝajne atinginta staton de pli ol 8200 membroj. Plie, ni akiris la Garantian Kapitalon.

Jen via kanonego, sinjoro. Granda la buŝo, maltrafa la pafo.

* * *

Verdire, estas ne sole pro tiu internacie malkonata plibonigisto, ke mi publikigas la suprajn ciferojn, sed pro du pliaj motivoj. Unue, ĉar mi jam devis kontraŭbatali antaŭ kelkaj jaroj private similan statistikon faritan de la Idistoj, kiuj ĝojblekis pro la pereo de UEA, „la plej serioza Esperantista societo, kiu perdis 2500 membrojn“. Tiu falsa pruvado ŝajnas fariĝi daŭra kaj destinata rondiri ĉe la redaktejoj de la kontraŭ-Esperantaj jurnaletoj kiel glora kanono por ekstermi la Zamenhofan movadon, ne mortigeblan per spiritaj rimedoj. Mi petas ĉiujn Esperantistojn, ke ili respondu, se okaze ili revidos tiun pretendon.

La dua kaŭzo estas interna. La ciferoj antaŭ la milito, montrantaj daŭran progreson, estas kontentigaj, sed tiuj post la milit-eksplodo ne estas tiaj, kaj ankaŭ ne estas motivo kial ni ne priparolus same sincere la nunan malbonon kiel la antaŭan sukceson. Pro tio ne ĝoju la kontraŭuloj, — ili eĉ havas nenion kio similus al UEA, asocio, pri kiu ili envias la Esperantistan movadon, — kaj la kelkaj ciferoj pri ilia membraro, kiun ili juĝis bone publikigi dum la milito, estas tiel nekontroleblaj, ke ili pruvas nenion. Plie estas konate, kia malgranda procentaĵo el la nacie organizitaj samideanoj ankaŭ apartenas al UEA, tiel ke el niaj ciferoj ne povas esti prijuĝata la nombro de la Esperantistoj. Ne de la personoj almenaŭ; koncerne la movadon, t. e. la agema intereso pri internacia uzo kaj disvastigo de Esperanto, ekzistas rilato.

La malapero de du trionoj el niaj membroj klariĝas parte el la rektaj sekvoj de la milito: la morto de multaj samideanoj kaj la granda malfaciligo de la internaciaj poŝtrilatoj. Estas ja klare, ke societo kun membroj dissemitaj sur la kvin kontinentoj suferas multe pli ol organizaĵoj naciaj, aŭ kvazaŭ-naciaj, kiel la societoj „tutmondaj“ de certaj plibonigistoj, kies plej multaj admirantoj loĝas ĉirkaŭ ilia urbo. Tamen tiuj eksteraj kaŭzoj ne estas sole kulpaj: feliĉe ne mortis la duono de la homaro, la bona farto de kelkaj el niaj naciaj organizaĵoj pruvas, ke la mobilizitaj membroj rec kolektiĝis, kaj kun bona volo la rilatoj kun Svislando povis esti daŭrigataj.

Devas do ekzisti aliaj kaŭzoj, spiritaj. Ne ricevinte ĝis nun unu plendon pro manko de neŭtraleco kaj malmultajn pro nebona administrado, ni rajtas forigi la supozon de ebla ĝenerala malkon-

tento; niaj membroj ja konas iomete la malfavorajn cirkonstancojn, kontraŭ kiuj la Centra Oficejo devas barakti. Laŭ nia opinio restas kiel ĉefa motivo malbona kompreno pri la tasko de UEA, ofte fortigata per sentoj de ekscitata naciismo. UEA estas unu el la tre malmultaj societoj, eble la sola, en kies listoj intermiksiĝas ĝentile la nomoj de aŭstrianoj kaj britoj, de francoj kaj germanoj, kvazaŭ ne ekzistus la nuna malamo. En siaj rilatoj la Centra Oficejo kompreneble sin adaptas al la cirkonstancoj kaj ankaŭ post la milito ne ĝeneraligos aferojn, kiujn pro naciaj kaŭzoj oni pritraktos pli bone kun la anoj de ĉiu lando laŭ iliaj intencoj. Sed pri la principo de paca kunlaboro de bonvoluloj el ĉiuj ŝtatoj, pri tiu principo ni estas fieraj kaj ne foriros de ĝi, kio ajn okazos! — Nun estas personoj, kiuj ne plu volis rekoni tiun komunan taskon aŭ eĉ kredis, ke estas ilia morala devo foriri el asocio, en kiu „la malamiko" partoprenas. Kiu nek verŝis sian sangon sur la batalejo, nek perdis parencojn en la armeoj, tiu ne rajtas ilin riproĉegi. Sed estas nia devo de neŭtraluloj atentigi tiujn multajn personojn, ke krom interesoj kaj idealoj naciaj ekzistas interesoj tuthomaj, same gravaj, kvankam alispecaj. Por la naciaj interesoj fluegas la sango kaj ploroj, milionoj da homaj vivoj, miliardoj da moneroj estas por ili elspezataj, kio do restas por la homaro? Ĉiu ŝtato pravigas sian oferpostulon klopodante pruvi, ke la efektiviĝo de ĝiaj pretendoj alportos la feliĉon al la homaro, ĉiuj batalantoj alsopiras mondaranĝon, kiu malebligos plian tian interbuĉadon. El tio kiel el la ĉiama citado de la internacia leĝaro, per la grandaj kanonpafoj ŝajne puŝata ĉiam pli alten super la nuboj, vidiĝas kiel la ŝtatestroj sentas sin respondaj por io pli ol la nuraj interesoj de sia popolo. Ĉu estus do ne logike, ke flanke de la milito, ĉiu ŝtato subtenus almenaŭ per kelkaj modestaj milionoj celadon, kiu kvazaŭ spirita Ruĝa Kruco klopodas savi el la morala mondpereo la ideojn al ĉiuj komunajn? Tion la regnestroj ne faras, ne malofte la Ruĝa Kruco estas konsiderata pli kiel flikejo de estontaj batalantoj ol kiel homama institucio kaj povas ja esti, ke por inciti la popolojn al preskaŭ superfortaj oferoj la limigo je unu vidpunkto, la nacia, estas konsilinda. Tio ne malhelpas, ke la tasko supernacia restas. Por ke iam finiĝu la milito kaj revenu indaj vivkondiĉoj por ĉiuj, ne sufiĉas venkoj kaj pli-malpli lerte elpensitaj novaj landlimoj. Antaŭ ĉio estas necese, ke unu nacio rekonu al la alia ĝian ekzistrajton, sekve ke ni relernu vidi en la aliulo la homon, malfortan, alsopirantan iom da feliĉo, kiel vi kaj mi, — ne nur la estintan malamikon. Tiu movado, multe pli grava ol diplomataj konstruoj aŭ papera konstitucio de ebla tutmonda respubliko, devas esti popola. Ke UEA ĝin inde reprezentas, ni ne pretendas; ĝi estas ja multe tro malgranda, sed almenaŭ ĝi havas la bonan volon, taŭgan organizan aranĝon, kaj ni rajtas atentigi, ke ĝi laboris en tiu spirito de sia fondiĝo, kiam nur malmultaj homoj sentis la danĝeron de mankanta internacia solidareco. Al la ŝancelantoj ni do diru: Batalu por via patrujo, kuraĝe kaj honeste kiel vi kredas esti via devo, sed neniam forgesu, ke via lando nur estas parto de la homaro. Kontraŭ ĝi ankaŭ ekzistas devoj. Ilin plenumante vi ne perfidas, sed helpas vian nacion. Venu do grandamase, la adeptoj de Zamenhof unue, poste la aliaj, por rekonstrui super la diferencoj politikaj, gentaj kaj rasaj, tiun rondon familian, kiun alcelis la pensuloj kaj religioj de ĉiuj landoj kaj tempoj!

*Ed. Stettler.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Jara kunveno de Brita Esperanto-Asocio

La jara kunveno de B. E. A. okazis en Londono la 22 majo sub la prezido de S-ro J. Mabon Warden.

Post aprobo de la lastjara protokolo kaj rememorigo al la mortintoj, la Prezidanto raportis pri la stato de nia movado en Britujo. La ĝenerala situacio estas tre kontentiga. Ĉie estas evidentaj signoj de progreso, speciale rilate la propagandon en instruaj kaj komercaj rondoj. La apero de la registara raporto pri la instruado de la modernaj lingvoj en Britujo kun ĝia longa aludo al artefaritaj lingvoj estas ankaŭ signo de l'tempo kaj devas stimuli la penadon de la Esp-istoj por enkonduko de nia lingvo en la lernejojn.

La raporton sekvis pri diversaj punktoj diskuto, en kiu partoprenis S-ro Applebaum, Edmonds, Long, D-ro Pollen. Fine, la raporto kaj la bilanco estis unuanime aprobataj. Oni ankaŭ unuanime aprobis novan regulon pri la rilatoj kun la federacioj. Oni decidis sendi al la Ĉefministro kaj al la Ministro de la eksterlandaj aferoj raporton pri Esp. kiel oficiala lingvo de la proponata Ligo de la Nacioj.

Sekvis balotado de la estraro, kiu konsistos el S-roj J. Mabon Warden, prez.; G. J. Cox, Harrison Hill, D-ro Jameson Johnston, D-ro J. Pollen, J. Rhodes, Rev. J. C. Rust, F-ino Ad. Ŝefer, Hon. Sir T. Vezey Strong, A. Wildon, vicprezidantoj; B. Chatterton, hon. trezoristo; Bellamy Jones, J. J. Boutwood, J. Bredall, Col. W. A. Gale, Bernard Long, ordinaraj konsilantoj; D-ro F. W. Alexander, J. D. Applebaum, F-ino Baird, J. Merchant, J. Rhodes, specialaj konsilantoj.

Por la jaro 1918 la garantia fondaĵo atingas 282 funtojn sterlingajn.

* * *

Okaze de la kunveno estas aranĝita publika mitingo je la honoro de D-ro Zamenhof, sub la patronado de la Duko de Connaught. Ĉirkaŭ 250 personoj ĉeestis.

Malferminte la mitingon, D-ro J. Pollen legis diversajn interesajn leterojn de britaj eminentuloj pri nia Majstro, i. a. de la Markizo de Lincolnshire, Lord Buckmaster, Lord Crewe, Prof. Gilbert Murray, Lord Bryce, Lord Shaw of Dunfermline, H. G. Wells, k. a.

D-ro Pollen elokvente rememorigis pri la vivo de D-ro Zamenhof kaj pri liaj ideoj koncerne la interpopolajn rilatojn. Li legis la „Alvokon al la diplomatoj", kiun nia Majstro verkis en 1915.

S-ro A. Barton Kent legis simpatian leteron de la verkisto Israël Zangwill. Prof. Bickerton atentigis pri la geniaj partoj de la Zamenhofa verko. Rabeno Isidore Harris legis telegramon de D-ro Israel Gollancz kaj rimarkigis kiom D-ro Zamenhof ŝuldas al sia juda deveno.

Post mallongaj paroladoj de S-roj J. Bredall kaj J. Merchant, muftio Mohammad Sadig, mahometana misiisto el Indio, faris kelkajn tre interesajn rimarkojn pri la signifo de nia lingvo kiel ligilo inter Orientuloj kaj Okcidentuloj.

Post parolado de la prezidanto, kiu aludis la lastatempajn progresojn de nia lingvo en Britujo, la sukcesa mitingo estas fermita

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Aŭstrio-Hungario.

*Graz:* La tiea movado estas vigla. La lernantoj de la kurso bone progresas. — *Innsbruck:* La kurso daŭras kun 10—12 personoj. — *Lwow:* Du kursoj okazis. Amuza vesperfesto estis vizitata de multaj gastoj. — *Praha:* Festo estas aranĝita okaze de la nomtago de F-ino Šupichová, nia diligenta propagandistino. — *Wien:* Okazis sukcesa vesperfesto vizitata de ĉ. 100 personoj. S-ro D-ro Sós prezentis belan tradukon de la verko „Phantasien" de Popper-Lynkens. S-ro Steinhauer raportis pri propagando.

## Belgujo.

La grupoj de la *Waes-regiono* (nord-orienta parto de la provinco Flandro orienta) arangîs en St. Nikolaas kongreseton, kiu plene sukcesis. Cento da Esp-istoj partoprenis, sub la prezido de S-roj Corn. De Bie, prez. de la grupo en St. Nikolaas kaj la vicprezido de S-ro A. Douven kaj F-ino M. Stevens, el la grupo en Temsche. Malfermante la kongreseton, S-ro De Bie parolis pri la progresoj de Esp. en Antverpeno, Gento kaj aliaj urboj. S-ro A. Vermandel, honora prez., parolis pri la mortintaj samideanoj kaj speciale pri D-ro Zamenhof. S-ro F. Schoofs, el Antverpeno, gratulis la organizintojn pri la atingitaj rezultatoj kaj donis konsilojn pri propagando. Parolis ankaŭ F-ino Larcier, el Bruselo, kaj S-ro Hemelaer, sekr. de la grupo en Temsche. La elektitaj komitatoj studos la proponon pri starigo de federacio inter la grupoj de la Waes-regiono. S-ro O. Van Schoor faris paroladon antaŭ la instruistaro de St. Nikolaas. Sukcesa koncerto finis la kongreseton.

## Britujo.

*Cowdenbeath:* La ĉiujara kunveno de la Skota Esp. Federacio tie okazis la 22 junio. Ni raportos pri ĝi en la proksima N-ro. — *Londono:* La ĝenerala kunveno de UEA okazis la 11 majo en Morley College kaj estis tute sukcesa. Partoprenis 120 anoj sub la prezido de Kol. J. Pollen, dumviva ano de UEA kaj prezidinto de B. E. A. Li mallonge faris la historion de nia Asocio de ĝia fondo ĝis nun, ne forgesante citi la diversajn servojn faritajn dum la milito. S-ro P. Blaise, Ĉefdel., tiam faris raporton pri la laboroj faritaj de la Delegito Londona kaj de liaj helpantoj, citante la nombron de anoj, subtenantoj, abonantoj, k. t. p., havigitan de li al nia Asocio de lasta majo, ankaŭ montrante la servojn diversajn faritajn dum la sama periodo. La pli granda nombro aperis en la marta numero de „Esperanto". S-ino Evans, Del. por Battersea kaj S-ro P. Kalisky, Del. por la Haveno de Londono, faris alvokon, por ke samideanoj helpu nian Asocion, kies laboroj estas subtenindaj de ĉiuj. S-ro Sergeant, el Boulogne, diris kelkajn vortojn de dankoj por la servoj faritaj al li kaj aliaj samideanoj pere de la Delegitoj. Unuvorte, bona tago ĝi estis por diskonatigi nian Asocion kaj ĝiajn servojn.

## Francujo.

*Angers:* Propagando estas komencita inter usonaj soldatoj. — *Béziers:* Lernintoj ĉe la Pariza Laborborso tie propagandas, helpataj de S-ro Pignol, veninta el Narbonne. — *Bourg-la-Reine:* S-ro P. Muffang komencis propagandon en la urba lernejo J. B. Say. — *Lyon:* La laborista grupo arangîs du novajn kursojn. — *Paris:* S-ino E. F. Cense arangîs koresponde kurson, kiun partoprenas 22 mobilizitoj el la tranĉeoj. La grupon vizitis Esp. mobilizitoj el Aŭstralio, Britujo, Belgujo, Kanado kaj Nov-Zelando.

## Germanujo.

*Augsburg:* Du el la urbaj kinematografoj montras lumbildojn, kiuj invitas aliĝi al nia movado. Bonvizitata kurso por bankoficistoj nun estas gvidata. — *Berlin:* Ĉe la grupa kunveno, S-ro Mitschke faris tre interesan paroladon pri la historio kaj evoluado de aŭtomobilo kaj aeroplano. Kiel gasto paroladis S-ro supera instruisto Sprotte, el Bagdad. La gazeto „Deutsche Warte" daŭrigas aperigi tre interesan Esp. paĝon. — *Breslau:* La katolika grupo Unueco arangîs sukcesan ekskurson al Lilienthal. — *Bromberg:* S-ro Szymanowski gvidas novan kurson kun 28 partoprenantoj. Artikoloj aperis en „Bromberger Zeitung" kaj „Ostdeutsche Rundschau". — *Chemnitz:* S-ro supera instruisto Klemm tre interese parolis pri la vivo de nia majstro. La nombro de la grupanoj kreskas. Nova kurso okazas. — *Cöthen:* La grupo refondiĝis; aliĝis 24 membroj. Propaganda vespero kun ekspozicio estis arangata. S-ro D-ro Foehr paroladis. — *Dresden:* La Orienta grupo arangîs sukcesan ekskurson. Ĉe la junia kunveno de UEA, S-ino C. Fürth paroladis pri la spertoj dum sia restado en Engelberg, Svisujo. — *Kempten:* Kurso baldaŭ komenciĝos. — *Leipzig:* S-ro D-ro Steche denove donacis 10,000 markojn por la Esp. movado. Laŭ decidoj de la Saksa Parlamento oni estas preskaŭ certa, ke plej baldaŭ estos fondata ofico de lektoro por Esp. en la altaj lernejoj en Leipzig kaj Dresden. En la societo Leibnitz S-ro Parthey faris tre interesan paroladon pri Italujo. Okazis ekskurso, dum kiu oni sukcese prezentis teatraĵeton verkitan de S-ro D-ro Stucke. — *Stuttgart:* S-ro Leyrer gvidas novan kurson. — *Zittau:* S-ro L-to Scheibler faris sukcesan paroladon en la katolika unuiĝo; 18 personoj sin anoncis por kurso gvidota de S-ro Knöfel. Krom tio estas malfermita kurso en la realgimnazio.

## Hispanujo.

*Baracaldo:* Sukcesa vesperfesto estas arangîta. S-ro C. García faris interesan paroladon pri la deveno de Esp. La komitato por 1918 konsistas el S-roj Lunate, prez.; Llano, vicprez.; García, kas.; Perez, sekr.; Salazar, Martinez, F-ino Sánchez.

## Nederlando.

*Amsterdam:* La Propaganda Komitato okazigis en „Excelsior", konstruaĵo de la polica ligo, publikan Esp. lecionon, gviditan de S-ro J. Lem, la fervora prez. de A. P. K. E. Post la leciono, deko da personoj sin enskribigis por kurso. — *Twolle:* La kursoj organizitaj de la Esp. komitato finiĝis kun bona sukceso. Bela vesperfesto estis arangîta; ĉe la ekspozicio multaj Esperantaĵoj estis venditaj. Oni daŭrigas propagandi. — *Zutphen:* S-ro G. J. Degenkamp sukcese paroladis ĉe la Ruĝkruca Unuiĝo. Estis starigita kurso sub la gvidado de S-ro de Lang, Del.

## Norvegujo.

*Kristiania:* S-ro Bruno Riefling faris paroladon por socialistoj kunvenintaj el diversaj partoj de Norvegujo por partopreni en pentekosta kurso prisocialista.

## Polujo.

*Lodz:* En la „Neue Lodzer Zeitung" ofte aperas informoj pri la stato de nia movado. — *Pabianice:* Esp. Unuiĝo estas fondita en la ejo de l' popa lerneja unuiĝo.

## Svedujo.

*Gävle:* Ĉe la Kristana Unuiĝo de junaj viroj, S-ro Helsing paroladis; oni arangôs kurson en aŭtuno. — *Örnsköldsvik:* Grupo estas fondita post parolado de S-ro E. Adamson. La estro de la popollernejo kaj la pastro permesis malfermi senpage la lernejon por kursoj. S-ro Adamson gvidos kurson. — *Sandviken:* La grupo estas tre agema. Pastro Littmark akceptis Esp. kiel studan temon en sia rondo de junularo; 15 junaj homoj lernas nian lingvon. — *Stockholm:* La aga komitato de S. E. F. eldonis du svedajn propagandajn broŝurojn de S-ro P. Nylen. La grupoj de Stockholm kune organizis komunagadan komisionon, kiu arangîs unuan sukcesan kunvenon en la „Studenta Hejmo"; okaze de ĝi S-ro P. Nylen paroladis pri UEA kaj la komunagado de la Stockholmaj grupoj. Majoro A. W. Edelsvärd, 94-jara, verkis propagandan broŝuron, kies kostojn bonvolis pagi S-ro C. A. Lindvall.

## Svisujo.

*Genève:* S-ro W. Underwood faris paroladon ĉe la germanlingva Kristana Unuiĝo pri „Esperanto en la Servo de la Dia Regno". Oni disdonis propagandilojn. — *Lausanne:* La gazeto „L'Ukraine" publikigis interesan leteron de S-ro Ed. Privat pri la utileco, kiun prezentus la enkonduko de Esp. en la lernejoj de la nova Ukraina ŝtato. — *Locarno:* La klubo kun 30 partoprenantoj faris sukcesan ekskurson ĝis la bela vilaĝeto Intragna. — *Neuchâtel.* En la gazeto „La Suisse Libérale" aperis bona artikolo de J. B. responde al laŭdo pri Ido. Okaze de la datreveno de la morto de nia Majstro, Esp. ekspozicio estis arangîta en la montrofenestroj de la ĉefaj librejoj kaj vekis intereson al nia afero. — *Thusis* (Graubünden): Internigito H. Brückenhaus gvidas kurson kun 9 partoprenantoj. — *Zürich:* S-ro Jost faris en la societo „Veritas" paroladon pri la verko de D-ro Zamenhof. Kurso sekvis kun 12 lernantoj. La grupo nun havas 27 membrojn kaj regule kunvenas ĉiuĵaŭde.

## Argentino.

*Zárate:* La grupo „Zamenhof“ organizis novan kurson, kiun gvidas S-roj S. Soler kaj A. Civinelli. S-ro M. V. Besasso faris paroladon.

## Aŭstralio.

*Brisbane:* La Queensland Laborista Konvencio esprimis la deziron, ke Esp. estu instruata en la ŝtatlernejoj de Queensland. La tieaj Esp-istoj klopodas por prova enkonduko de nia lingvo en la lernejoj (laŭ la „Eccles-Eksperimento“) kaj la starigo de kongreso de la Aŭstraliaj Esp-istoj. S-ro Edg. A. Pryke ofte skribas artikolojn en „The Australian Worker“.

## Kongolando.

*Elisabethville:* Nia membro, S-ro Arthur Debœuf, 1ª suboficiro, propagandas tie. Li deziras ricevi propagandilojn, gazetojn, k. t. p.

## Japanujo.

*Osaka:* Oni aranĝas nuntempe kurson por viroj. Kurso por virinoj jam okazas. Esp. biblioteko estas fondata, kaj oni klopodas por enkondukiĝi nian lingvon en iun virinan lernejon.

# TRA LA GAZETARO

.·. „*British Esperantist*“ (junio). Angla teksto de la paragrafo pri artefaritaj lingvoj el la raporto de la registara komitato pri modernaj lingvoj. — Kroniko. — Raporto pri la publika mitingo memore al D-ro Zamenhof kaj pri la jara kunveno de B. E. A. — Listo de la garantiantoj por 1918.

.·. „*Bulteno de Kataluna Esperantista Federacio*“ (marto-aprilo). Datreveno, de Marius, bela artikolo rememoriga pri nia Majstro. — Al elserĉo de pli granda produkto en la laboro, de J. M. Tallada — „Le Feu“, traduko el fragmento de la fama libro de H. Barbusse pri la milito. — Armenujo ĉe la ekvido de libereco, de O. Giordano. — La sola vero, de Gaziel. — Enlanda Movado.

.·. „*The Esperanto Monthly*“. La maja N-ro estas pli speciale dediĉata al Esp. en Portugalujo kaj Brazilujo. Interesa artikolo de S-ro B. Martins d'Almeida pri la progresoj de Esp. en Portugalujo kaj Brazilujo. — En la junia N-ro, artikolo pri la raporto de la komitato pri modernaj lingvoj, kun la opinioj de kelkaj konataj britaj samideanoj, studo pri la portugala poeto Ludoviko de Kamoens, verkita de B. Martins d'Almeida, kun belaj verstradukoj, stenografio kaj Esperanto, Zamenhofa mitingo en Londono, k. t. p.

.·. „*La Espero*“ (junio). Pro la eksiĝo de S-ro Lundgren, S-ro Paul Nylen, nia malnova fervora samideano, anoncas, ke li prenas sur sin la gvidadon de la gazeto. — Esperanto kaj Savarmeo. Oni raportas pri propagando de S-ro Vasiljev, rusa samideano en dana Savarmeo. — Regularo de Sveda Esp. Federacio (svedlingve). — Sveda kaj norvega kronikoj. — La krucoj, trad. de J. Schröder. — Libroj kaj Gazetoj, k. t. p.

.·. „*France-Esperanto*“ (marto-aprilo). Niaj Mortintoj. — Esperanto je la komerca vidpunkto. Franclingva artikolo de publicisto Mangeis de Bourgesdon, kiu montras la utilon de nia lingvo por komercistoj. — Revoj kaj sonĝoj, literaturaĵo de M. Henriet Nolotte. — Kroniko. — El la Esp. Gazetaro, k. t. p.

.·. „*Germana Esperantisto*“ (julio). Eldono A: Interesa raporto de D-ro. H. Arnhold pri la propagando inter germanaj militkaptitoj eksterlande kaj fremdaj militkaptitoj en Germanujo. Estas fondita speciala komitato, kiu de nun plivastigos la jam komencitan agadon. — Esperantismo kaj reformoj al la germana lingvo, de A. Lutteroth. La aŭtoro argumentas, ke la Esp. gazetaro kaj movado ne devas oficiale subteni klopodojn por ortografiaj aŭ aliaj reformoj de la naciaj lingvoj. — Esp. kaj altlernejo. Estas anoncite, ke komisiono de la Saksa Deputataro oficiale rekomendis la starigon de Esp. katedro ĉe la altlernejoj en Leipzig kaj Dresden. — El la Esp. movado en Hungarlando. Raporto de E. Wüster pri la filatela kaj Esp. ekspozicio en Budapest. — Nia movado en Lille kaj Roubaix. — 1ª Skandinava Kongreso de Esp. — Kroniko. — Gazetaro. — Diversaj komunikoj, k. t. p. — Eldono B. enhavas kiel kutime literaturaĵojn, versaĵojn, rakontojn. — En la scienca aldono „*Esperanto-Spiegel*“, tre interesa artikolo germanlingva de S-ro Ernst Franck pri Esp. en la popolaj lernejoj, kun klarigoj kaj ekzemploj pri la pedagogia valoro de nia lingvo.

.·. „*La Holanda Pioniro*“ (majo-junio). C. Chr. Droogendijk †. — La lingvo de la ligo de nacioj. — Versaĵo, de A. Smit. — Kroniko. — Diversaj komunikoj. — Bibliografio. — Oficiala parto.

.·. „*Kongreso*“ (junio). Aperis la dua N-ro de la bona kongresa gazeto de la 1ª Skandinava Kongreso. Enhavo: Atentu! alvoko por ekspozicio. — Kio estas bona kongreso? — Indemini, de Gustaf Mattsson. — Kongreso aŭ kongreseto? de G. H. Backmann. La Skandinava ne devas esti kongreseto, sed vera kongreso. — Esperanto kaj la tutmonda paco, de Nils Nordlund. — Belaj memoraĵoj, de Asta Mikkelsen. — Propagandisto, nia rusa samideano L. Vasiljev. Nia konkurso. — Notoj. — Listo de kongresanoj, k. t. p. Tiun kajeron kiel la antaŭan ornamas kelkaj bonaj bildoj. Ni al ĉiu rekomendas aliĝi al la kongreso, eĉ se li ne povas veturi, por subteni la meritan entreprenon de niaj svedaj samideanoj.

.·. „*Le Monde Esperantiste*“ (majo-junio). Ni defendu Esperanton (france), de A. Fréchas, artikolo kontraŭ elpensistoj de novaj internaciaj lingvoj. — Kroniko. — Kritikartikolo pri la „Romanal“ de S-ro Michaux. — Tra la gazetaro. — Sekvo de la literaturaĵoj: Militaj rakontoj, de Alexis Tolstoj, La Maskita amo, de Balzac, Kain, de Byron.

.·. Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Amerika Esperantisto*“ (januaro). — „*Esperanto-Raporto*“, Danujo (junio). — „*Internacia Bulteno*“, germana informilo pri la milito (majo). — „*Nederlanda Katoliko*“ (majo-junio). — „*Svisa Espero, bulteno de S. E. S.*“ (N-ro 2ª).

* * *

Novaj gazetoj lastatempe aperintaj:

.·. „*Esperanta Finnlando*“ (N-roj 1—6, januaro-junio). Oficiala organo de Esperanto-Asocio de Finnlando. 4 paĝoj, formato: 19×26 cm. Aperas kiel aldono de la finna gazeto „Kodin Lehti“. Redaktejo: Vilho Setälä, Mikkeli, Finnlando.

Nia movado, longe malhelpata de la premado de l' militcenzuro kaj de la cirkonstancoj, kiuj sekvis la rusan revolucion, nun ekreviviĝas. Kiel unua signo reaperas bulteno, kiu servos kiel ligilo inter la finnaj samideanoj. La 1ª N-ro enhavas diversajn propagandajn artikolojn en esperanta kaj finna lingvoj, noton pri UEA kun la listo de la delegitoj en Finnlando (15 lokoj). Al la nova organo ni deziras longan vivon.

.·. „*La Progreso*“ (N-roj 3—4, marto-aprilo). Bohema organo Esperantista. 16 paĝoj, formato: 20×27 cm. Redaktejo: 10, Radynská ul, Plžen. Administrejo: Fr. Kavan, 6, Podebradova tř., Plžen. Jara abono: K. 4. 50.

Dum la kvar militjaroj la bohema Esperantistaro, antaŭe tiel vigla, restis sen presorgano, kvankam nia afero tute ne estis mortinta. Tiu manko estas nun forigita dank' al la apero de nova gazeto. „La Progreso“, kiu sendube efike helpos al la restarigo de forta bohema Esp. movado. Ni ne ricevis la N-rojn 1 kaj 2. N-ro 3—4, kiun ni posedas, enhavas multajn bonstilajn kaj interesajn artikolojn kaj notojn: Malĝoja datreveno (morto de D-ro Zamenhof). — Evolucio al la demokracio (kial ne demokratio?) de Luděk Pik, regna deputito. — Lingva felietono, de D-ro S. Schulhof. — En novan vivon! de X. Kučera. — Parolu Esperante! de J. Šupichová. — Riproĉoj, de B. Titl. — La laboristo de la moderna epoko, de F. A. Novák. Ĥemia teknologio de la nutraĵoj, Rud. Petr. — Sur la vojo al pli bona estonteco. — „Virino, kiu sopiras sian edzon, estas internacia“, de Olga Fastrová. — Mia malliberigo, de A. Janalíková. — Sovaĝa kanto, versaĵo de D-ro S. Schulhof. — Maria Terezia Ordeno, de J. S. Machar. — Juĝoj pri „La Progreso“. — Diversaĵoj. — Kroniko. — Bibliografio, k. t. p.

## TRA LA LIBRARO

**La germana inteligentularo kaj la milito** de *N. Kabanov.* Laŭ la dua preso de l' rusa originalo tradukis *E. B. Wüster* kaj *B. Maske.* Esperanta eldono. Ader & Borel. Dresden 1917. 36 paĝoj 20 × 14 cm. Prezo ne montrita.

La enhavo, samcela kiel la germana „Internacia Bulteno" ne koncernas nian gazeton. El la lerta traduko, riĉa je trafaj esprimoj, vidiĝas la lingva sperto de la verkintoj, sed despli ni miras pri la ofta pezeco de la stilo kaj stranga uzo de la prepozicio *al.* Unu frazo enhavas sur 11 linioj 113 vortojn; eble ĝi ne estas la plej longa. Kiel bone ĝi estas kunmetita, tia konstruaĵego ne decas al lingvo internacia, facile legebla. Ankaŭ ŝajnas al ni riproĉinda la nekutima, tiel haltiga sekvo de la vortoj, kiel: „Jaro pasigita en Svislando ... al la skribinto donis okazon." „Unu el la plej kuriozaj malkovroj ... estas la farita de juna sciencisto". „Ne malutilas rememorigi la sekvantan post tio diron pri malamo" k. t. p. Tre ofte, kie oni metas post la substantivo de agado la genitivon, la aŭtoroj skribas *al.* Kial do? „Alfundigo al Lusitania, detruo al Löwen, okupado al urbo, bojkotado al arto, insultado al popoloj, restarigo al interrompitaj rilatoj, renovigo al la komuna paclaboro." Eble pledas por tiu nova kutimo iuj treege logikaj motivoj. Sed Esperanto estante lingvo, ne logikilo, sin detenu forlasi klarajn formojn bone elprovitajn en ĝi kaj multaj naturaj lingvoj. „Pafoj el post angulo" estas komplikaĵo, kiel „ĉirkaŭrabi muzeon" aŭ „ĉirkaŭrabistoj" antaŭ urbo.

**Unterrichtsbriefe zum Selbsterlernen der Welthilfssprache Esperanto** (Instruleteroj por memlernado de la helplingvo Esperanto) von Dr. *A. Möbusz,* Seminardirektor in Lübeck. Eldonejo Friedrich Ellersiek, Berlin, 1918. Dek broŝuritaj kajeroj, 21 × 14,5 cm. 188 paĝoj, kaj samgranda **Wörterverzeichnis,** 80 paĝoj, ĉio 4.50 Mk.

Kvankam ne mankas al ni gramatikoj, tiuj instruaj leteroj por memlernado de Esperanto estas bonvenaj. Laŭ nia scio ne ekzistis ĝis nun bona instruilo en formo letera; kaj tiaj „leteroj", ofte vere praktikaj, estas ankaŭ modaj en Germanujo, tiel ke lingvo sen letera lernolibro ne ĝuas saman estimon kiel la multaj aliaj, jam „leterigitaj". La verko de la konata aŭtoro utilos do lingve kaj propagande. La lernotaĵo estas apartigata en dek lecionoj po proksimume 18 paĝoj; de la komenco ĉiu leciono pritraktas en neenuiga formo tirman temon, kiel ekz. la renkonto, hotelo, manĝado, bazaro, pri Esperanto, k. t. p. La difinoj estas klaraj, la ekzemploj multnombraj kaj la tipografa kaj eldonista aranĝo neriproĉebla. Erarojn ni ne trovis en ĝi, sed diversajn aferojn, pri kiuj oni povas havi alian opinion. Ekz. la egaligo de la Esperanta *e* kun germana *ä* estas ja verŝajne korekta por Nord-Germanujo, sed neniel por la elparolado de la sud-germanoj aŭ svisoj, kies *ä* sonas tute alie. Same la komparo: *„oj"* kiel: *eu.* — Por klarigi *„et"* kaj *„re"* ekzemploj kiel „Zigarette" (Esp. cigar*edo*) kaj „repetieren" (*ri*peti) estas danĝeraj. — La formo „veneno ebria", anstataŭ ebriiga, devenas verŝajne de preseraro. — Anstataŭ „kaŭze de", kaj „tial ke" la formoj por kaj ĉar estas preferindaj, pli belaj kaj plej ofte sufiĉaj. Ankaŭ „dank' al Dio" sonas pli bele ol la trovita: „danke al". — Kial „la sinjoroj plej eble ŝatas ludi ŝakon", anstataŭ: plej multe? Fine kelkaj indikoj ne estas nuntempaj. Volonte oni ja akceptas la matenmanĝon kun butero, mielo, ŝinko kaj aliaj bonaĵoj, verŝajne por ni ĉiuj forpasintaj, sed la statistikoj de 1911 kun 1719 grupoj k. t. p., kiuj donis jam tiam poluritan bildon de nia movado, ne plu havas seriozan valoron hodiaŭ. Same estus eligeblaj la Ĉekbanko kaj la fama Spesmilo. Post la saltegoj de la kurzoj dum la milito, neniel sin okupantaj pri la laŭora egaleco, eĉ ne-fakistoj povis nun konvinkiĝi pri la nevaloro de tiu teoriaĵo. Propagandante bonan lingvon kun malbona ekonomia sistemo, afero cetere ekster la Esperantista kompetenteco, oni riskas endanĝerigi ambaŭ. En ĉapitro pri literaturo, ni trovis rekomendon aboni „La Revuo", el Parizo. Laŭ nia scio ĝi ne plu aperas, nek estas havebla por 5.50 markoj. Entute tiu metode kunmetita verko estas rekomendebla al la personoj, kiuj ŝatas detalan instruon kaj alportas la por ĝi necesan lernemon kaj paciencon.

*Aldono.* Leginte en la supra verko la vorton *„Kajo"* por trotuaro laŭlonge de fervojo, ni komparis diversajn vortarojn kun jena rezultato: Möbusz: Bahnsteig = kajo. — Zamenhof-Jürgensen: Perron = perono. — Christaller: Bahnsteig = perono. — Grosjean-Maupin: Quai = trotuaro. — Verax, la franca kaj la teknika: nur kajo. — Rhodes: platform = perono. — Heckner, seslingva vortaro: perono. Ŝajnas al ni plej bone, se oni uzus por la fervoja trotuaro senescepte *perono,* kaj por la havena nur *kajo.* — Gramatikoj de ĉiuj formoj kaj sistemoj nun ofte plenigis nian tablon, sed tio, kion ni neniam vidis, estas *instrulibro* aŭ gramatiko supera *por progresintoj.* Tia verko estus malfacile farebla, sed utila kaj verŝajne bone vendiĝus. Laŭ nia ideo ĝi devus enhavi mallongan ripeton de la kutimaj reguloj, historion de nia literaturo kaj ĉefe elĉerpaĵojn de bonstilaj verkoj el diversaj epokoj, kun klarigoj pri la tiama stilo, la vortoj, sintakso, k. t. p. Kondukata de sperta literaturisto estus plezuro studi la evoluon de la lingvo, kompari la aŭtorojn kaj tiel ĝui la multajn belaĵojn, kiujn, sub lerta zorgado, ekflorigas la Zamenhofa kreitaĵo. — *Ed. St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**La malfacilaĵoj de nia milita laboro.** — El kelkaj ricevitaj leteroj ŝajnas, ke iuj el niaj membroj ne havas klaran ideon pri la malfacileco de la laboro de nia C. O. dum la milito. Ili postulas de ĝi saman akuratecon kiel en la normala tempo kaj plendegas, se ne ĉio okazas tiel rapide kiel ili dezirus aŭ se UEA ne faras ĉion, kion ili volas.

Ni unue rimarkigu, ke dum, antaŭ la milito, kvar oficistoj estis okupataj ĉe nia C. O., laboras nuntempe nur unu. Financaj kaŭzoj malhelpas agi alimaniere. Facila kalkulo montros, ke 2000 membroj pagantaj 2 Fr. donas enspezon da 4000 Fr. (kaj en la realeco multe malpli, pro la kurzdiferencoj, kiujn ni priparolos poste). Estas klare, ke tiu sumo ne sufiĉas por pagi unu oficiston, lupagon, presaĵojn kaj poŝtelspezojn. Dungi plian oficiston estus io ebla, nur se la enspezoj senteble kreskus, kio kun la daŭro de la milito apenaŭ estas esperebla.

Dum la nombro de la oficistoj malkreskis, kontraŭe kreskis grandege la administraj malfacilaĵoj pro la ekzisto de la cenzuro kaj la neregulaj poŝtkomunikoj. Estu citataj kelkaj ekzemploj, kiuj montros ĝis kia grado nia nuntempa laboro estas malfaciligata:

Kun *Germanujo* kaj *Aŭstrio-Hungario,* korespondo en nia lingvo ne estas allasata. Anstataŭ uzi Esperanton, ni do devas uzi la germanan lingvon, kaj por la koncerna korespondado havi specialan helpanton, kiu ne venas ĉiutage, sed nur kelkajn horojn semajne, el kio kompreneble devenas prokrasto de la respondoj. Aliparte, la gazeto ne povas esti senpere sendata al la abonantoj; ĝiaj ekzempleroj devas esti are ekspedataj al nia reprezentanto en Berlino, kiu poste ilin dissendas, sed tiu sistemo, kvankam la sole ebla nuntempe, kompreneble estas malpli rapida kaj malpli simpla

ol la senpera sendado. Same ni devas agi rilate la sendon de nia jara raporto kaj de la membrokarta banderolo. Kelkaj personoj kredas, ke tuj post ricevo de aliĝo, sufiĉas enmeti raporton en koverton kaj ĝin sendi, tiel ke la aliĝinto ricevu ĝin tri aŭ kvar tagojn poste. Tio ne estas tiel simpla. Unue oni devas atendi la monon, kiu ne ĉiam alvenas samtempe, due registri la aliĝon en nia sliparo (unu aŭ du tagoj semajne estas dediĉataj al tiu tasko), trie sendi la dokumentojn al Berlino, kvare sendi ilin de Berlino al la membroj. Se la germana kaj aŭstria poŝtkontroloj allasus Esperanton, tiuj prokrastoj ne okazus. Ni plie notu, ke dum kelkaj monatoj nia gazeto ne estis enlasata al Aŭstrio-Hungario, kio certe nek faciligis nian taskon, nek plibonigis niajn enspezojn.

En *Francujo* la poŝta kontrolo jen allasas, jen malpermesas Esperantajn korespondaĵojn, tiel ke estas pli senriske, ĉiam uzi la francan lingvon. La landolimo, precipe en la lastaj monatoj, estas fermata dum pluraj sinsekvaj tagoj aŭ eĉ semajnoj, kaj korespondaĵoj ne trapasas ĝin. Sen trograndigo oni povas diri, ke interŝanĝo de leteroj inter Svisujo kaj Francujo postulas nun tiom da tempo kiom, antaŭ la milito, inter Svisujo kaj Usono. Eĉ kiam la landolimo ne estas fermata, la poŝta kontrolo retenas la leterojn tri—kvar tagojn aŭ pli. Fine, de januaro 1917, nia gazeto ne plu estas enlasata en Francujon, kaj malgraŭ ĉiuspecaj klopodoj kun la helpo de francaj samideanoj, ni ne sukcesis atingi nuligon de tiu stranga decido.

Kun *Italujo* la malfacilaĵoj estas la samaj. Malgraŭ teoria permeso de Esperanto, oni fakte devas korespondi itale aŭ france. La leteroj alvenas kun granda prokrasto.

Kun *Britujo* la rilatoj estis ĝis nun pli facilaj. La Esperantaj leteroj estas enlasataj, ankaŭ nia gazeto kaj niaj diversaj presaĵoj. Sed en la lasta tempo, la korespondaĵoj el tiu lando ofte alvenas kun granda prokrasto pro la fermo de la franca landolimo.

Kun *Usono* la poŝtkomunikoj estas ankaŭ malfacilaj kaj postulas sufiĉe longan tempon. Pro la franca poŝtkontrolo, nia gazeto devis ĝis nun esti sendata tra Nederlando, kaj ofte ekzempleroj perdiĝas. Ĉiu facile komprenas, ke la submara milito ne favoras la poŝttrafikon.

Oni povus kredi, ke kun la *nemilitantaj landoj* la rilatoj estas preskaŭ same facilaj kiel en la paca tempo. Tio estas vera nur rilate la nordajn landojn. Kun *Hispanujo* kaj *Sud-Ameriko* la rilatoj estas tre malfaciligataj de la franca poŝtkontrolo, kiu kelkfoje retenas leterojn sen franca traduko, kaj ofte sekvestras senkulpajn sendaĵojn de insignoj aŭ de Esperantaj gramatikoj. Nia gazeto estas sendata al Hispanujo tra . . . Londono.

Pri *Rusujo* ni ne parolas, ĉar la rilatoj kun ĝi estas tute interrompitaj de unu jaro, kvankam ni scias, ke la agado por Esperanto tute ne ĉesis en tiu lando. El tiu stato rezultas grava perdo por nia Asocio, kiu komence de la milito havis multajn amikojn en Rusujo.

Ĉar ĉiu samideano, kiu ne ricevas respondon al letero aŭ ekzempleron de sia raporto aŭ de sia gazeto, tuj plendas aŭ eĉ plendegas ĉe la C. O., kun la tendenco kulpigi ĝin pli ol la naciajn cenzurojn, ni devas ankoraŭ respondi al ili kaj reĝustigi la faktojn — kio ĉiutage postulas tempon.

Alia malfacilaĵo, kiu havas malfavorajn financajn konsekvencojn, devenas de la gravaj nunaj kurzdiferencoj inter Svisujo kaj la militantaj landoj. Kvankam ni postulas por kotizaĵo 2 frankojn kaj por abono 5 frankojn laŭ *svisa* valoro, la pli multaj delegitoj kaj membroj daŭrigas pagi la saman nacian monsumon kiel antaŭ la milito. Nu, 4 germanaj markoj, kiuj antaŭe valoris ĉirkaŭ 5 frankoj, fariĝas nun en Svisujo 2. 80 frankoj; 5 kronoj aŭstriaj transformiĝas en 2 frankojn; 5 frankoj francaj egaliĝas al 3. 50 frankoj svisaj; 5 italaj liroj al 2. 20 frankoj svisaj; 4 ŝilingoj al 3. 80 frankoj, k. t. p. (laŭ meza nuntempa kurzo). Germano, kiu en Germanujo pagas kotizaĵon da 2 Mk. al sia Del. kiel antaŭ la milito, fakte donas al UEA en Ĝenevo proksimume 1. 10 frankojn (post kiam la Del retenis por si $^{1}/_{5}$) anstataŭ 2. Do, ĝuste en la momento kiam ĉio plikariĝas, salajroj, presaĵoj, lupagoj, ni ricevas por niaj kotizaĵoj kaj abonoj malpli ol antaŭe. Tiu stato ne plu povas daŭri, kaj por la proksima jaro, se, kiel verŝajne, la milito ne estas ankoraŭ finita, ni devos fiksi la prezon de niaj kotizaĵoj kaj abonoj en nacia monvaloro respondanta al la svisa valoro laŭ la meza kurzo de la nuna jaro.

Ni ankoraŭ notu, ke kelkaj personoj havas eraran ideon pri la rolo de UEA same kiel pri ĝiaj financoj. Ekzistas Esperantistoj, kiuj ne volas repagi sian kotizaĵon ĉar la Jarlibro ne aperis. Iu sendis al ni nur la duonon de la kotizaĵo pro la sama kaŭzo! Tiuj personoj kredas, ke UEA estas speco de komercejo, kaj se oni ricevas de ĝi malpli da presaĵoj aŭ servoj, oni rajtas pagi malpli. Nu, tiuj ŝparemuloj simple forgesas, ke UEA estas ne sole organizaĵo liveranta servojn al la membroj, sed institucio utilanta al nia tuta movado, ĉar ĝi estas la sola internacia ligilo inter la agemaj Esperantistoj. Ĉiu samideano havas la moralan devon aliĝi, ne pro la servoj, kiujn li ricevas (dum la milito multaj ne estas uzeblaj), sed pro tio, ke UEA servas la Esperanto-movadon kaj estas la fundamento por estonta pli vasta kaj pli fruktodona agado. Estas malĝoje konstati, kiom da Esperantistoj, kiuj aliĝis al Esperanto pro pure idealaj kaŭzoj, fariĝas malidealistoj rilate la subtenon de organizaĵoj, sen kiuj la Esperanto-movado rapide neniiĝus.

Ne vanaj estos tiuj klarigoj, se ili inspiras al plendemaj personoj kelke da indulgo kaj pli da kompreno rilate al nia dummilita laboro, kiun ni malgraŭ ĉiuj malagrablaĵoj daŭrigas nur pro la konvinko, ke internacia fokuso de Esperantismo devas ekzisti dum tiuj mallumaj tagoj.

**Donacoj.** — De post la 1 januaro 1918, la jenaj donacoj estis danke ricevitaj de la C. O. de UEA. (Ni notis nur la donacojn de pli ol 1 Fr.).

S. Andrew (Teilding, Nov-Zelando) Fr. 26. 85. — C. Escobes (Calahorra, Hispan.) Fr. 5. — Cl. Bicknell (Bordighera, Ital.) Fr. 9. — R. Timmler (Omaha, Usono) Fr. 1. 25. — F. Dahmen (Köln, German.) Fr. 5. 17. — Sume: *Fr. 47. 27.*

Pere de S-ro Blaise, Ĉefdel. en Londono: B. Megahy (Preston) £1. — J. Course (Royston) 2/- s. — W. Garbutt (Birmingham) 4/- s. — Holden fratoj (London) 6/- s. — J. Esslemont (W. Southcombe) 4/- s. — F-ino Sherris (London) 12/- s. — H. N. Nowell (Northwich) 5/- s. — Sume: *£ 2. 17/- s.*

Monkolekto aranĝita en Königsberg (German.) okaze de la deka datreveno de UEA: G. Kossak M. 10. — Ges-roj F. Döring M. 10. — Ges-roj Bawinski M. 10. — P. Fast M. 3. — D-ro med. Ebner M. 3. — D-ro Nitz M. 3. — Kolekto ĉe la grupo M. 7. 50. — Sume: *M. 46. 50.*

Monkolekto ĉe la kunveno de la Berlina Esperanto-Grupparo okaze de la deka datreveno de UEA: *Fr. 50.*

Pere de S-ro D-ro Sós, Del., Wien: Tolvay Kr. 5. — E. Diosi Kr. 3. — A. Toke Kr. 3. — A. Vigh Kr. 3. — A. Zsarnay Kr. 3. (Ĉiuj donacintoj estas el Budapest) — Sume: *Kr. 17.*

Al ĉiuj donacintoj ni sendas korajn dankojn. Aparta danko iru al la grupoj, kiuj havis la praktikan ideon aranĝi monkolekton okaze de la deka datreveno de UEA.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 majo estis enkasigitaj 1331 kotizaĵoj (el kiuj 109 subtenantoj). Krom tio estas 162 dumvivaj membroj. Sume: 1493. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 41.

Je la 30 junio estis enkasigitaj 1456 kotizaĵoj (el kiuj 116 subtenantoj). Krom tio estas 162 dumvivaj membroj. Sume: 1618. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 43.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato majo:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 438 | 231 |

*Tuta sumo:* 669. (Antaŭa monato: 571.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato junio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 289 | 287 |

*Tuta sumo:* 576. (Antaŭa monato: 669).

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Sepa listo:*

88. F-ino I. Miles (London). — 89. A. Harcourt (Insulo Wight). — 90. C. Hayes (London). — 91. M. Hosking (Harringway, Angl.) — 92. H. Horsnails (Hassocks, Angl.). — 93. S-ino I. Rolleston (London). — 94. T. Openshaw (Gargrave, Angl.). — 95. R. Morton (Birkenhead, Angl.). — 96. T. Hudson (London). — 97. J. Jones (Leigh, Angl.). — 98. A. Nilsson (Skara, Sved.). — 99. E. Torgny (Skara, Sved.). — 100. G. Jönsson (Hellefors, Sved.). — 101. J. Course (Royston, Angl.). — 102. F-ino P. Peckover (Wisbech, Angl.). — 103. A. Boyce (Stroud, Angl.). — 104. F-ino H. Boord (London). — 105. E. Leggatt, (Godalming, Angl.). — 106. E. Howard (Letchworth, Angl.). — 107. W. Lewis (Manchester). — 108. F-ino A. Fryer (Manchester). — 109. A. Williams (London). — 110. A. Nass (Oesttorpe, Norveg.). — 111. H. Poensgen (Kaiserswerth, German.). — 112. F. Isella (Lugano, Svis.). — 113. A. Deboeuf (Elisabethville, Kongolando). — 114. B. Blöndal (Hvammstanga, Islando). — 115. E. Heath (London). — 116. S-ino G. Moss (Annapolis, Usono).

## Novaj Delegitoj.

*Glasgow* (Skotlando). — VD.: S-ro Cedric F. White, 280, Bath St.
*Helsingborg* (Svedujo). — D.: S-ro G. H. Backman, 3, Tägagatan.
*Skara* (Svedujo). — VD.: S-ro K. G. Andersson, 48, Järnvägsgatan.

## Ŝanĝo.

*Folkestone* (Anglujo). — D.: S-ro J. S. Clough, 62, Guildhall St.

## Adresŝanĝo.

*Melbourne* (Aŭstralio). — D.: S-ro C. W. Ballard, „Akaroa", Lansdowne Rd., East St. Kilda.

Provizore ne plu estas Del. en *Pittsburgh* (Usono).

# Por U. E. A.

Vortojn ŝparu, agojn faru.

La supre skribitan proverbon, el la kolekto, kiun Zamenhof mirinde tradukis, aŭ pli ĝuste, reverkis, ni rememoris pripensante la rolon estintan kaj estontan de Universala Esperanto-Asocio, kies deklaran ekziston oni antaŭ ne longe priskribis.

Ies pedantan rezonadon penantan nei la movon, greka filozofo respondis ne per longa rebato sed nur leviĝante kaj paŝante. Simile oni ofte, antaŭ kelkjaroj, verŝajne nun ankoraŭ, ĉar iuj vidantoj malvolas vidi, dubis pri la uzeblo de lingvo internacia. Ĉu tiun ignoron ni respondos per parolaĵoj, jurnalartikoloj, propagandfolioj? Certe ni ne mistaksos tiujn rimedojn kaj servigos ilin laŭcele; tamen la plej efika rediro estos agi, tio estas uzi Esperanton, uzi ĝin ne inter samlingvanoj kvazaŭ sporton aŭ fantaziaĵon, sed internacie kiel praktikan ilon. Ĉu internacia servo akirita dank'al Esperanto ne pruvas pli ol teoria disertacio?

Laŭ tiu vidpunkto, ĉiu komerca firmo, kiu konigas sian produkton per Esperanto, kiel faris lasttempe en Svisujo la fabrikantoj de „Ovomaltino" aŭ de „Suchard-ĉokolado" alportas al nia movado ŝatindan helpon. Ili per faktoj montras nedubebla sian fidon al la valoro de nia lingvo, kaj ebligas peresperantajn komercrilatojn. Nia nepra devo estas laŭpove fruktigi tiun semon kaj klopodi, por ke la aluditaj entreprenoj ne pentu sian novemon..

Aliflanke ankaŭ estas nia tasko subteni kaj prosperigi la asocion, kies ĉefa celo estas plioftigi kaj faciligi la praktikan uzon de Esperanto. UEA per siaj ĉiulokaj delegitoj prezentas al ni organizaĵon laŭdindan, kiun ni ne ŝatas sufiĉe, el kiu ni ne sufiĉe tiras profiton. Antaŭ la milito, kaj dum tiu malfacila periodo, ĝi laboris kontentigante ĉiun permeseblan postulon, kaj ju pli oni turnos sin al ĝi, des pli divastiĝos kaj vigliĝos ĝia agado: funkciado ja kreas la organon.

En UEA mi vidas la plej firman fundamenton de Esperanto, la rokon, sur kiu oni senhezite povas konstrui la domon, la solan entreprenon, kiu akcele kreskigos la bezonon de neŭtrala lingvo, kaj povas plenumi la esperon de l' internaciemuloj. Kiu pro sia okupo kaj vivcelo ne estas ĝenata de l'lingvobariloj, kiu do ne eltiros senperan gajnon el la servoj de UEA, eĉ tiu havas la devon helpi tiun asocion, se li nur konscias ĝian neceson.

Ne nur la asocion ni subtenu, sed same ĝian jurnalon. Antaŭe tro da efemeraj gazetetoj, tuj velkontaj rozoj, ekfloris en nia rondo; baldaŭa morto ilin malaperigis. Nun, pro la malfacilaĵoj ĉiuspecaj, tiu iama troo preskaŭ aliiĝis en nesufiĉo. Sed la instruon ni memoru, kaj kiam pli normalaj kondiĉoj reregos, ni kuniĝu ĉirkaŭ la jurnaloj, kiuj vere estas vivindaj; krom la polandaj gazetoj, parte nacilingve redaktataj, ni havu unu, sed nur unu, belan beletristikan revuon, nur unu bonan sciencan gazeton, kaj nur unu konvenan jurnalon por la praktika diversfaka utiligo de nia lingvo. *„Esperanto"* jurnalo estis tia; ĝi pruvis sian taŭgon; ĝi meritas multnombrajn abonantojn; tiuj cetere ricevas abundan informaron kontraŭ negrava monofero.

Plena homo posedas ne nur parolon por interkonsenti kun siaj similuloj, sed sentorganojn por ricevi impresojn kaj membrojn por agi. Esperantisto, kiu ne aniĝis al UEA kaj do ne intencas utiligi sian scion, kvazaŭ estas paralizito senigita je membromovoj; se li ne legas *„Esperanto"*, li ignoras la Esperantan vivon, li estas inter ni kiel surda kaj blinda. Ne estu trione Esperantisto; estu ĉiel. Parolu, sed ankaŭ eksciu kaj agu; vi ja disponas dirilon. Esperanto-lingvo; informilon: Esperanto-jurnalo, kaj agilon: Universala Esperanto-Asocio.

*G. Stroele.*

(El la Bulteno de Svisa Esperanta Societo.)

# Esperanto kaj la Brita Registaro

Rilate la aperon de la raporto de la Komitato pri Modernaj Lingvoj, elektita de la brita registaro, en kiu estas aludo pri artefaritaj lingvoj, ni eltiras la jenajn informojn el *„Esperanto-Monthly"*:

„La raporto de la Komitato pri Modernaj Lingvoj ĵus eldonita estas epokfaranta dokumento en la historio de Esperanto. Por la informo de niaj alilandaj samideanoj ni devas klarigi, ke pro diversaj kialoj Britoj ne bone scias modernajn lingvojn. En la duagradaj lernejoj kaj universitatoj oni multe elstudas la klasikajn lingvojn, kaj preskaŭ ĉiu bone edukita persono pasigas kutime de tri ĝis ses jaroj studante modernajn lingvojn, precipe la francan, sed malgraŭ tio, prosperas al malmulte da personoj povi paroli ian lingvon, krom la angla, kaj eĉ tio ofte malbone kaj negramatike. Tio estas unu el la faktoj, kiujn la milito malkaŝis al John Bull. Li ankaŭ eksciis, ke lia ideo, ke la tuta mondo scias kaj komprenas la anglan lingvon,

estas iluzio, kaj se li de nun ne pli arde dediĉas sin al la lernado de modernaj lingvoj, li certe perdos sian pozicion inter la komercaj nacioj de la mondo. Konstatinte tion, li alvokis la kuracistojn kaj specialistojn en la formo de Komitato, kiu konsistis el dek-ses el la plej eminentaj edukistoj kaj lingvistoj en la lando, al kiuj la ĉefministro, S-ro Asquith, ordonis: «Esplori pri la pozicio, kiun okupas la studado de modernaj lingvoj en la eduka sistemo de Granda Britujo, precipe en duagradaj lernejoj kaj universitatoj, kaj konsili pri la rimedoj bezonataj por favori la studadon de ili, kun speciala rilato al la bezonoj de liberala edukado, enkalkulanta la historion, literaturon, kaj civilizadon de aliaj landoj, kaj de la interesoj de komerco kaj publika servado».

„En la daŭro de sia esplorado, la Komitato intervjuis 136 atestantojn, konsiliĝis kun eminentaj alilandaj edukistoj kaj profesoroj, vizitis universitatojn kaj gravajn kolegiojn, kaj konsideris memuarojn senditajn laŭ invito, de lernejestroj, komercistoj kaj publikaj institutoj. La raporto, do, estas frukto de profunda esplorado kaj konsiderado, kaj tial ĝiaj konkludoj kaj rekomendoj estas tre gravaj kaj atentindaj kaj havos grandan influon ĉe la estonta instruado de lingvoj en Granda Britujo. La diro, ke «la studado de lingvoj estas, krom ĉe la filologo, ĉiam rimedo kaj neniam celo por si mem» montras la liberan spiriton, laŭ kiu la Komitato alproksimiĝis al sia tasko, kaj do, ne estas mirinde, ke post ĝia traktado de la naturaj lingvoj, ĝi turnis sian atenton al artefaritaj lingvoj kaj fine rekomendis «ke Komitato estu difinita por esplori la kapablojn de artefaritaj lingvoj kaj la dezirindecon favori la evoluadon kaj uzadon de unu».“

Jen la teksto de la konstatoj de la Komitato pri artefaritaj internaciaj lingvoj:

71. — Ni dediĉis iom da atento al la artefaritaj lingvoj. El ĉiuj ĝis nun eltrovitaj Esperanto renkontis la plej grandan sukceson. Oni diras, ke la nombro de lernantoj dissemitaj sur la tuta mondo estas 300,000, kaj ĝi havas sian propran sciencan revuon. Oni ne povas kontesti, ke lerte konstruita lingvo kiel Esperanto estas pli facile lernebla ol iu natura lingvo. Ĉiuj malfacilaĵoj de gramatiko, sintakso, elparolo, estas malpligrandigitaj ĝis minimumo. Ne ekzistas esceptoj, nek idiomismoj, la logiko de la lingvo estas reduktata al vere simpla esprimo. Estas nur necese koni kelkajn regulojn kaj principojn, la resto estas afero de vortaro. Oni klarigis al ni, ke Esp. havigus al tiuj, kiuj ne havas tempon aŭ eblon akiri naturan lingvon, parton de la logika disciplino, kiun la studo de lingvoj atingas, kaj ankaŭ ke, se ĝi estus instruata en elementaj lernejoj, ĝi formus praktikan bazon por la studo de naturaj lingvoj en la postaj jaroj.

Estas interesaj proponoj, sed ili ne ankoraŭ estas konfirmitaj per sufiĉa eksperimentado. Rilate la unuan oni povas konkludi, ke la promesitaj profitoj povus esti pli efektivaj per la sistema kaj inteligenta instruo de la angla lingvo.

Rilate la duan, estas timinde, ke pro la manko de okazoj por ĝia uzo — kaj por la lernantoj de elementaj lernejoj, tiaj okazoj estus maloftaj — la facileco, kun kiu Esperanto estis akirita, trovus kontraŭon en la facileco kun kiu ĝi estus forgesita. Aliparte en iaj okazoj ĝi povus havi ĉefan lokon en la laboro de Postlernejaj Kursoj.

72. — La ĝenerala situacio aperas al ni jene: Iu bone ellaborita artefarita lingvo donos la eblon al du aŭ pluraj personoj komuniki inter si pri ĉiuj plej ordinaraj temoj de la vivo, kun minimuma elspezo de tempo kaj laboro. Tial ni ne estis surprizitaj ekscii, ke Esperanto estas vere praktika por internaciaj konferencoj kaj kongresoj. Sed por komerco kaj sciencaj verkoj, kie kuŝas la plej granda utileco de artefarita lingvo, du aferoj ŝajnas esti necesaj: plidisvastigita kono kaj uzo de la lingvo kaj teknika vortaro preciza kaj tre detala en multaj fakoj.

Neniu el tiuj postuloj ŝajnas esti atingitaj, krom se la registaroj de la mondo aŭ de la plej civilizitaj partoj de la mondo kuniĝos por prepari instruon kaj monhelpi la verkon de leksikografio kaj la tradukon de gravaj sciencaj verkoj en la elektita universala lingvo.

Eĉ en naturaj lingvoj, teknikaj vortaroj estas kutime nekontentigaj, kaj oni povas dubi, ĉu efektiva teknika vortaro povas esti kunmetata krom per la konstanta uzo kaj kutimo de socio konstante okupata en la teknikaj procedoj kaj esploroj.

Sed rilate al la grandaj ĝeneralaj profitoj, kiuj rezultus, se iu universala lingvo povus esti utiligata por komerco inter nacioj, kaj se sciencaj eldonaĵoj povus esti perfekte kompreneblaj por ĉiuj popoloj, tiu dubo ne devas malhelpi seriozan kaj esperplenan enketon.

La pliaj esploroj pri tiuj temoj kuŝas trans nia celo; sed valorus la penon, ke la Registaro konsente kun aliaj kunligitoj starigu komitaton por enketi pri la kvalitoj de artefaritaj lingvoj kiel Esperanto kaj ĝiaj konkurantoj. Universala lingvo bezonas firmecon, kiu ne povas esti atingata alie ol per sufiĉe larĝa internacia interkonsento. Nuntempe ni komprenas, ke Ido, kiu povas aŭ ne povas esti supera rilate al Esperanto danĝerigas tian interkonsenton kian Esperanto atingis. Tiaspecaj skismoj povas esti evitataj nur per aŭtoritatoj kompetentaj por aprobi aŭ forĵeti la proponitajn aldonojn kaj plibonigojn. Kompreneble, artefarita lingvo ne povas havi la individuecon, la originalecon kaj la propran ĉarmon de natura lingvo; tial estas neverŝajne, ke iu artefarita lingvo povos iam havi multe da literatura valoro. Sed tiuj aferoj ne estas necesaj por komerco kaj por scienco, por kiuj certeco, precizeco kaj ellaboriteco estas la ĉefaj postuloj.

La konkludo de la komitato estas: Se iu artefarita lingvo estas kapabla plenumi la celojn por kiuj ĝi estus la plej necesa, ĝi bezonas plian disvolviĝon kaj pli grandan nombron de adeptoj.

---

# Esperantista Parolejo

## La historio de la stenografio, averto al la Esperantistaro

Pli ol iam, post la fino de tiu ĉi milito ĉe la repreno de la internaciaj rilatoj, estos nepre necesa kuniro de ĉiuj mondlingvanoj. En pactempo estis multe disputite *teorie* pri reformoj kaj fideleco al la Fundamento; sed oni ne pensis pri tio, ke ni havas *praktikan* ekzemplon, de kiu ni povas lerni por nia vojo: la historio de la stenografio. Mi volas doni nur kelkajn historiajn punktojn pri tio, nome el la germana stenografio. Ni povas uzi la stenografion kiel komparan ekzemplon, ĉar ĝi havas ion — multon — komunan kun la internacia helplingvo. Ankaŭ ĝi estas kreita de la postulo de l' tempo kaj ankaŭ ĝi devis batali kontraŭ la inerteco kaj malkompreno de l' maso, antaŭ ol ĝi akceptiĝis sin. Fine, kiel ni malsupre vidos, dum ĝia disvolvo, sin montris la samaj faktoj, kiujn ni observas en nia movado. Ni do povas tiri el ĝia historio gravajn instruojn.

Ni rigardu la sistemon Gabelsberger. Malgraŭ tio, ke ĝi ne estis „konstruita de komitato de scienculoj laŭ severe scienca maniero“ (kiel la Idistoj postulas de la internacia helplingvo!), ĝi gajnis, dank' al la unueco de sia adeptaro, la ĉefojn de la stenografiaj skoloj kaj grandan vastiĝon. Tamen — kaj el tio povas lerni nun denove la tute fidelaj (ortodoksaj) — la elektitaj reprezentantoj enkondukis la rekonitajn kiel nepre necesaj reformojn, ne atendante ĝis kiam la registaroj rekonis la sistemon, sed tuj kiam ili estis kolektintaj sufiĉe grandan adeptaron. En tio kuŝas la ĉefkaŭzo de la konstanta kresko de la skolo, ĉar per tio ĝi evitis du erarojn, en kiujn falis aliaj skoloj, kaj de kiuj ankaŭ ni devas treege nin gardi.

La unua eraro estas, fari neniajn necesajn reformojn ankaŭ kun sufiĉe granda adeptaro. Kien kondukas tio ĉi, ni vidas ekzemple ĉe Stolze: en 1896 estis 629 Stolze'aj unuiĝoj. Ĉar la ĉefoj volis enkonduki neniajn reformojn, tiuj sektoj sin dividis, kiuj kreis konvenan al la bezonoj sistemon. Kaj tiuj sektoj (ekzemple Stolze-Schrey) sin disvolvis hodiaŭ kiel plej grandaj stenografiaj skoloj, dum la preskaŭ ne plibonigita Alt-Stolze sin tenis nur ĉe malgranda rondo, sed ne povis disvastiĝi (en 1901 estis 15, depost 1906 estas 10 Stolze'aj unuiĝoj!).

La alia eraro estas, enkonduki reformojn tro frue kaj senpripense. Ĉe tiu ĉi okazo venis malrapide sed certe malprospero kaj disfalo (sistemo Brauns 1901: 12, 1913: 6 unuiĝoj!).

Tiel ni Esperantistoj lernas el la historio de unu tute simila movado: Nome, ni ne devas preterlasi nepre necesajn reformojn ĝis Esperanto estos rekonita oficiale de la registaroj, sed nur tiel longe atendi ĝis ni estos kolektintaj sufiĉe grandan adeptaron. Sed ankaŭ nur tiam, ne pli frue, alie minacas nin disfalo! Tial ankaŭ tiuj reformuloj, kiuj en Esperanto ne vidas la definitivan mondlingvon, devas nun propagandi la Zamenhofan Esperanton (se ili entute volas labori por internacia helplingvo), ĉar la vojo al ideala helplingvo iras nur tra forta Esperanto. *Kurt Kaufmann* (Hamburg).

*P. S.* — Mi jus ricevis de la Esperanto-Lega Rondo la broŝuron „Kulturpostulo kaj ĝia plenumo" de Prof. D-ro Göhl, kiu aperis en 1914. Sur la paĝoj 153/154 la aŭtoro ankaŭ opinias: „Nun estas la cirkonstancoj pritraktataj en tiu ĉi broŝureto samaj kiel antaŭ 75 jaroj ĉe la stenografio en Germanujo". Ankaŭ Prof. Göhl tiras sian konkludon el la historio de la stenografio. — *K.*

## Propono pri Jarlibro

Ĉar la milito verŝajne ne finiĝos tiun ĉi jaron, ni denove ne havos jarlibron por 1919. Sen tiu ĉi dokumento estas preskaŭ neeble, varbi *novajn* membrojn por nia asocio. Tial mi proponas, ke oni almenaŭ presigu novan liston de la Delegitoj kaj sendu ĝin senpage al ĉiuj garantiantoj kaj subtenantoj. La ordinaraj membroj povus ricevi ĝin kontraŭ pago de la kotizo de Fr. 2.50 kaj la efektiva kosto de la broŝuro. Tiamaniere UEA ne havus grandajn elspezojn kaj helpus la propagandon de la Delegitoj.

*E. Müller*, Del., Zürich.

*Rimarkoj.* — Ni devas rimarkigi, ke estas eraro, nepre ligi la membrecon de UEA al la ricevo de jarlibro. Antaŭ la milito UEA povis liveri senpagan jarlibron al la membroj, ĉar ĝi havis plurajn milojn da ili kaj sekve, pro la granda disvastiĝo de tiu eldonaĵo, povis kolekti sufiĉe multajn anoncojn kaj aliĝojn de Esperantiaj Entreprenoj, kiuj pagis grandan parton de la elspezoj. Sed nun, nia membraro malgrandiĝis pro la milito, ni ne povas enpresi komercajn anoncojn el la militantaj landoj kaj la paper- kaj preskostoj tre multe plialtiĝis. UEA do ne plu povas liveri senpagan jarlibron, almenaŭ se ĝi ne volas senutile fari deficitojn. El tio, ke ĝi ne eldonas jarlibron, kelkaj personoj ŝajnas konkludi, ke la kotizaĵo ne estas paginda, kvazaŭ UEA estus nura eldonejo de jarlibro. Tiu vidpunkto estas erara kaj devas esti kontraŭbatalata: UEA faras ĝeneralajn servojn kaj estas organizaĵo de ĉiuj Esp-istoj havantaj ian internacian intereson. Kiel tia ĝi nun estas subteninda dum la milito, eĉ se ĝi ne povas liveri tiel multe kiel antaŭe!

Aliparte, estas malfacile, oni ne forgesu, eldoni korektan liston de Delegitoj en la nuna stato de la internaciaj komunikoj, kiam Esperantaj presaĵoj ne estas allasataj en kelkajn landojn kaj multaj leteroj perdiĝas aŭ nerespondiĝas. La kunmetado de korekta listo de Delegitoj postulas grandan laboron, kiun nia sola oficisto, jam tre okupata, ne povas plenumi, kaj eldoni nekorektan liston ni ne volas. Fine, oni devas noti, ke kun la pliseveriĝo de la cenzuro, estus neeble sendi la jarlibron en kelkajn el la militantaj landoj, ĉar ĝi ankaŭ enhavas adresojn en „malamikaj" landoj, kio rilate ne bone informitan cenzuriston estas grava motivo suspekti nian asocion kaj ĝiajn reprezentantojn.

Pro tiuj diversaj kaŭzoj la komitato de UEA siatempe decidis sin limigi je la eldono de raporto pri la stato de nia movado dum la milito. Ĝi komprenehle preferus kiel antaŭe doni jarlibron al ĉiu membro, sed tion malkonsilas bona financa mastrumo kaj sperto pri la internaciaj rilatoj dum la milito.

Rilate al la sugesto de nia korespondanto, aparte pagigi la jarlibron al la membroj, ni timas, ke pro la nesufiĉa nombro de mendontoj, la prezo po ĉiu persono fariĝus tro alta kompare kun la valoro de la eldonaĵo. (Ekz. se la kvarono de niaj membroj ĝin mendus, tre favora supozo, ĉiu devus pagi proksimume 2 ĝis 2.50 frankoj por la jarlibro.) — *Dir.*

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *Autin*, farmaciisto kaj Del. en Le Mans, dankas S-ron G. M. Burkarth en St. Louis (Usono) pro afabla servo.

.·. S-ro *F. Pinol*, Del. en Barcelona, dankas S-rojn J. Sole, Del., kaj J. Vidal, Vicdel. en Tarragona, ankaŭ S-ron F. Guitart, Del. en Vendrell, pro ilia afabla akcepto dum vojaĝo.

.·. Ges-roj *Krestanoff* tutkore dankas al Ges-roj Jayet, Del. en Morges, pro ilia afabla akcepto. Plie, ili neniam forgesos la agrablajn horojn pasigitajn en la medio de la Lausanne'a Esp. grupo.

# Esperantista Vivo

**Edziĝoj.** — F-ino *Marthe Péguriet*, Del. en Cette (Franc.), kun S-ro *J. Juillard*, prof. ĉe la komerca lernejo en Cette.

S-ro *L. Lacquement*, Del. en St-Amand-les-Eaux (Franc.), nun en la franca armeo, kun F-ino *Suzanne Dussart*.

S-ro *Rudi Rupčic*, Del. en Zadar (Aŭstrio), kun F-ino *Olga Aranza*.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj *Muffang*, Bourg-la-Reine (Seine, Franc.), naskiĝis filino nomita Brigito. Estas interese noti, ke kun la fratineto de la jusnaskitino, nomita Edith, nun dujara, S-ro Muffang parolas preskaŭ nur en Esp.; la knabineto jam multe komprenas tiun lingvon kaj scias diri kelkajn vortojn per ĝi. Ŝi certe estas la plej juna Esp-istino en la mondo!

Al Ges-roj *Döring*, Königsberg, naskiĝis knabineto. S-ro Franz Döring estas Del. de UEA en Königsberg.

S-ro *H. Hodler*, Direktoro de UEA, tutkore dankas la personojn, kiuj bonvolis sendi al li la esprimon de sia simpatio okaze de la granda funebro, kiu trafis lin.

# Lingvaj Studoj

## Pri la supersignaj literoj

III

Ŝ

La sono *ŝ* respondas al angla *sh*, franca *ch*, germana *sch*, itala *sc* (antaŭ *e* kaj *i*), pola *sz*, ĉeĥa kaj kroata *š*, hungara *s*, rusa Ш. Rilate al la vortoj de angla kaj germana deveno, kiuj enhavas *sh* en la unua kaj *sch* en la dua, la grafismo *sh* povas ŝajni preferinda, ekz. ĉe *fiŝo*, *ŝafo*, *ŝildo*, *ŝipo*, *ŝuo*, sed pli detala ekzameno montros la superecon de *ŝ* rilate al *sh*.

Ni konsideru ekzemple la vorton **ŝlimo,** A. slime (pr.: slajm), G. Schlamm (pr.: ŝlam). Se oni elektus *slimo*, la vorto estus nur angla, *shlamo* estus nur germana. Kontraŭe, *ŝlimo* atingas la anglojn pro la ortografio kaj la germanojn, almenaŭ parte, pro la prononco. Same estas pri **ŝtono,** A. stone (pr.: ston), G. Stein (pr.: ŝtejn). *Stono* estus pure angla, *shtono* estus ortografie nepravigebla. *Ŝtono* nedubeble estas la plej bona sintezo de la angla kaj de la germana vortoj. En sama rilato estas la vorto **ŝmiri,** A. *smear* (pr.: smir); G. schmieren (pr.: ŝmir'n). *Smiri* estus nur angla; aldonante supersignon, oni faras ĝin laŭsone komprenebla ankaŭ al la germanoj. **Ŝpari,** A. *spare* (pr.: sper), G. *sparen* (pr.: ŝpar'n); **ŝpini,** A. *spin*, G. *spinnen* (pr.: ŝpin'n); **ŝtupo,** A. *step*, G. *Stufe* (pr.: ŝtufe) atingas la germanojn laŭ la prononco, la anglojn kaj ofte la germanojn ankaŭ laŭ la ortografio. Saman rimarkon meritas la vortoj **ŝtalo,** A. *steel* (pr.: stil), G. *Stahl* (pr.: ŝtal), R. P. *stal;* **ŝtelo,** A. *steal* (pr.: stil), G. *stehlen* (pr.: ŝtel'n). En vortoj devenantaj el la germana, sed ne ekzistantaj en la angla, kiel **ŝranko, ŝtrumpo, ŝlosi, ŝraŭbo** (ankaŭ pola, *szruba*), **ŝnuro,** (ankaŭ pola, *sznur*), la litero **ŝ** permesas tre precize esprimi la germanan prononcon sen atenco al

la fonetika principo. Dank' al la supersignita *s*, plialtiĝas en Esperanto la proporcio de la germanaj radikvortoj. Se ĝi estus forigata, multaj tiaj vortoj devus malaperi aŭ esti sone kripligataj. La jam malgranda partopreno de la germanaj radikoj en nia vortaro ankoraŭ malpligrandiĝus, nia lingvo estus malpli internacia kaj malpli neŭtrala.

Ankoraŭ kelkaj ekzemploj estu menciataj: **Ŝpruci** kombinas la italan grafismon *spruzzare* (pr.: sprucare) kaj la germanan fonetismon de *spritzen* (pr.: ŝpric'n). **Tapiŝo** havas formon facile rekoneblan de la francoj kaj angloj *(tapis)*, dank' al la supersigno oni plie atingas la germanojn, G. *Teppich* (pr.: tepiŝ). **Puŝi,** laŭ la ortografio, memorigas la francan *pousser* (pr.: puse) kaj, laŭ la sono, la anglan *push*.

La supersigno estas ankaŭ utila por diferencigi du egale internaciajn radikojn, ekz. **ŝtalo** de **stalo, ŝtelo** de **stelo, ŝtato** de **stato, poŝto** de **post** (plie, *ŝtalo, ŝtelo, ŝtato* estas konformaj al la germana prononco, *poŝto* rememorigas la rusan kaj polan prononcon (poĉta). Skribi tiujn vortojn *shtalo, shtelo, shtato* kripligus ilin, kaj *stalo, stelo, stato* jam havas signifon, kiun trudas al ili la principo de maksimuma internacieco. La supersigno estas evidente la plej bona solvo.

### Ŭ

La grafismo *au* kaj *eu* kun diftonga prononco troviĝas en la pli multaj eŭropaj lingvoj, sed konforme al la fonetika principo oni devas distingi *u* vokalon de *u* diftongo. D-ro Zamenhof elektis por la lasta la signon ˘ (uzatan en la germana gotika manskribo), kiu konservas la konatan ortografion kaj respektas la fonetikan principon de unusoneco. (Ekz.: *aŭgusto, aŭdi, laŭdi, Eŭropo*, k. t. p.). Anstataŭi *ŭ* per *w*, kiel proponis reformemuloj, malagrable kripligus konatajn vortojn. (Ekz.: *awgusto, awdi, lawdi, Ewropo*, k. t. p.).

* * *

La supraj ekzemploj, kiuj estus facile plimultigeblaj, montris, ke la elpenso de la supersignoj ne estis simpla kaprico de la aŭtoro de Esperanto, sed estas en intima rilato kun la strukturo de nia vortaro. Ĝi estas la sola oportuna rimedo por akordigi la fonetikan principon, kiun postulas la logiko, kun la principo de la maksimuma internacieco de la radikvortoj. Dank' al ĝi nia vortaro havas latinogermanan karakteron kaj atingas la plej altan gradon de internacieco. La cititaj ekzemploj ankaŭ montris, kiel eraras la personoj, kiuj pretendas forigi la supersignojn de nia alfabeto, neniel ŝanĝante la radikvortojn. Alfabeto kaj vortaro estas tiel kunligataj, ke kiu reformas la unuan, tiu estos nepre alkondukata reformi ankaŭ la duan, se li ne volas peki kontraŭ la logiko. La ortografio de la vortoj ne estas io indiferenta kaj pure konvencia; la konservo de la fizionomio de la vortoj el la naciaj lingvoj ludas gravan rolon rilate al ilia memoriĝo. Zamenhof prave atentis kiel eble malplej kripligi la naciajn radikvortojn kaj samtempe konformiĝi al la fonetika principo. Tiun malfacilan problemon li solvis per la supersignoj, sen kiuj oni devas foroferi aŭ la fonetikecon de la alfabeto aŭ la maksimuman internaciecon de la radikvortoj.

Restas la praktika flanko de la problemo. La supersignoj, diras kelkaj kritikantoj, estas teorie bonegaj, sed oni tamen devas ilin forigi, ĉar ili malhelpas, ke Esperanta teksto estu ĉie presebla. Libro aŭ artikolo en lingvo internacia devas esti presebla en ĉiu presejo sen antaŭpreparo. Oni ne povas nei, ke tiu malfacilaĵo ekzistis en la unuaj jaroj de nia movado, kiam Esperanto estis ankoraŭ tre malfavore konsiderata, kaj ĉiu Esperantisto estis pli-malpli rigardata kiel strangulo aŭ frenezulo. Sed kun la grada disvastiĝo de nia afero, tiu malhelpo foriĝis, kaj nun ne plu ekzistas presisto, kiu se oni proponas al li seriozan kaj daŭran Esperantan preslaboron, rifuzas elspezi negravan sumon por akiro de la supersignaj literoj. La abunda kolekto de Esperantaj libroj ĉiulande presitaj klare pruvas, ke la argumento de la nepresebleco de l' Esperantaj tekstoj ne plu estas asertebla. Ne mankas la presistoj, sed la legantoj!

Estas vere, ke la supersignoj malfaciligas la okazan presadon de Esperantaj tekstoj en ĵurnaloj aŭ revuoj. Sed tiu propagandrimedo ne estas rekomendinda, ĉar la sperto montris, ke la personoj legantaj tiujn tekstojn, malkorekte prononcas ilin kaj ricevas malĝustan ideon pri la belsoneco de nia lingvo. Cetere, la ĵurnaloj kaj revuoj, kiuj deziras enpresi regulan Esperantan rubrikon, facile povas akiri la provizon de la necesaj supersignaj literoj. La helprimedo, proponita de D-ro Zamenhof, nome anstataŭi la supersignon per *h*, ankaŭ povas esti okaze uzata.

Kritikantoj asertas, ke la supersignoj malfaciligos la presadon de grandaj ĵurnaloj, por kiu oni bezonas multajn diverstipajn literojn. Tiuj personoj forgesas, ke en la ĉeĥa kaj en la serbo-kroata lingvoj ankaŭ ekzistas supersignaj literoj similaj al tiuj de nia alfabeto (č, š kaj plie ř, ž); tamen, ambaŭ lingvoj posedas multe pli da presitaj libroj ol enhavas nia Esperanta verkaro, ĉiutagajn ĵurnalojn, plej diversfakajn gazetojn kaj revuojn, prospektojn kaj reklamilojn. Kion povis fari ĉeĥaj kaj kroataj presistoj, tion kredeble ankaŭ povos fari anglaj, francaj aŭ germanaj por Esperanto.

Por la skribmaŝinoj la supersignoj ankaŭ ne prezentas nesolveblan teknikan malfacilaĵon. Multaj skribmaŝinaj modeloj posedas sendependan supersignon, kies almeto estas tute facila. Ni estu sentimaj! Kiam Esperanto estos sufiĉe disvastiĝinta, ne plu ekzistos unu sistemo de skribmaŝinoj, kiu ne facile adaptiĝas al nia lingvo.

Fine, oni iafoje riproĉas al la supersignoj, ke ili malrapidigas la manskribadon, ĉar ili devigas levi la manon kaj ĝin irigi malantaŭen. Sed tio ĉi ekzistas en ĉiuj lingvoj. Preskaŭ ĉiuj havas unu aŭ kelkajn supersignajn literojn, kaj ĉiuj uzas punktojn super *i* kaj *j* kaj streketojn je la litero *t*, kiuj rilate la manskribadon estas veraj supersignoj, ĉar same kiel nia ^, ili postulas, ke oni levu la manon kaj malantaŭenigu ĝin. Nu, en nia lingvo, la proporcio de la supersignoj kompare kun la *i*-punktoj kaj la *t*-streketoj estas malalta. El kolono hazarde elektita en „*Esperanto*", ni kalkulis 484 punktojn super *i* aŭ *j* kaj streketojn je *t* kaj nur 68 supersignojn, t. e. proporcio de proksimume 1 al 7. Tiu argumento do ne estas serioza. La personoj, kiuj ĝin alportas, devus almenaŭ, por esti logikaj, proponi la forigon de la punkto super *i* kaj *j* kaj de la streketo je *t*.

El ĉio rezultas, ke la teknikaj malfacilaĵoj, kiujn kaŭzus la supersignoj, tute ne estas kompareblaj kun la utileco, kiun ili prezentas, rilate la maksimuman internaciecon de la vortaro kaj la fonetikecon de la alfabeto.

Ni do konservu ilin kaj kuraĝu ilin defendi kontraŭ iliaj supraĵaj kritikantoj. *H. H.*

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Barat, Gaston, D-ro,** el Lille, membro N-ro 6149. S-ro G. Barat estis tre fervora propagandisto en Lille kaj siatempe multon faris por la disvastigo de nia movado en norda Francujo.

**Coram, Edwin T.,** el Londono. Li Esperantistiĝis ankoraŭ knabo kaj pli ol tri jarojn estis tre ŝatata helpanto ĉe la oficejo de B. E. A. Edwin Coram estas mortigita de bombo; li estis nur deknaŭjara.

**Holst, Obergast,** agema membro de la grupo en Wilhelmshaven-Rüstringen, (German.).

* * *

Kun bedaŭro ni estas informitaj pri la morto de jenaj samideanoj:

**Frato Isidoro,** el Bruselo, malnova pioniro de nia movado en Belgujo kaj propagandisto de Esp. ĉe la blinduloj.

**Fraŭlino Guillemine Larcier,** el Bruselo.

**Hübscher, Ernst,** fervora propagandisto el Lodz.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

AURESSIO (Svisujo, Tiĉino, Onsernone-valo). — S-ro Fiorino Broggini, instruisto, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

DRESDEN A (Germanujo). — S-ro W. Boner, librobindista majstro, Schloßstr. 7, PK kaj tute speciale PM.

DRESDEN-LÖBTAU (Germanujo). — F-ino H. Sickert, Dr. Schmidtstrasse 8, L, PK, Pl (kun ĉiuj landoj).

DRESDEN 21 (Germanujo). — S-ro E. Wahode, Wittenbergerstrasse 99, II., PK, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

EDINBURGH (Skotlando). — S-ro Drummond Page (15-jara), 218, Bruntsfield Place (kun knab-skoltoj en ĉiuj landoj).

GÄFLE (Svedujo). — S-ro Elias Beckman, 13, N. Kungsgatan, Pl, L (precipe kun militkaptitoj).

GÄFLE (Svedujo). — S-ro Erland Holmqvist, 60, Katarinelund, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

GÄFLE (Svedujo). — S-ro Eric Lindqvist, 34, S. Esplanadgatan, Pl, L, PM (prefere kun Azianoj, Afrikanoj kaj Sud-Amerikanoj).

GERONA (Hispanujo). — S-ro Ernesto A. Dalmau, 23, Plateria (nur PM).

HJO (Svedujo). — S-ro Emil Carlsson, 19 B, Hamngatan, Pl (kun ĉiuj landoj).

HJO (Svedujo). — S-ro Gust. Fredin, 69 B, Tomt, Pl (kun ĉiuj landoj).

HJO (Svedujo). — S-ro Arvid Andersson, Fridhem, Pl (kun ĉiuj landoj).

LA GRANDE BARRE, CHOUE PAR MONDOUBLEAU (Francujo, Loir-et-Cher). — S-ro Lucien Deniau, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Angelina Mazzola, Pl, L.

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Stefano Pedrazzini, Pl, L (serĉas ĉiulande konstantajn korespondantojn).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Torriani, instruistino, L, PK, Pl (kun ĉiuj landoj).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino M. Tenca, instruistino, Pl, L (kun ĉiuj landoj).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Eligio Giacomazi, Pl, L (serĉas konstantajn korespondantojn).

LOCLE (Svisujo). — S-ro Wilhelm Matthey, 11, Crêt Vaillant, Pl (kun ĉiuj landoj, prefere kun ekstereŭropaj samideanoj).

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Ermi Berry, Pl (kun ĉiuj landoj).

NANKING (Suda Ĥinujo, Kwangsi). — S-ro Kwan Kwok Sze, c. o. Standard Oil Co. of New York, Pl, L (kun ĉiulandaj terkulturistoj, komercistoj kaj samideanoj).

REGENSBURG (Germanujo). — Kelkaj gimnazianoj dez. koresp. france, prefere kun svisoj. Sin turni al: Josef Köstner, Spiegelgasse 3, I.

SCHEVENINGEN (Nederlando). — S-ro A. G. Hoekma, 36, Stevinstraat, Pl (kun ĉiuj landoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ADRESŜANĜO. — S-ro Frans De Backer, el la internigejo ĉe Zeist, informas siajn korespondantojn, ke li nun loĝas en Hago, 409, Vaillant-laan, al kiu adreso ili bonvolu de nun sendi ĉiujn poŝtajojn.

ATENTU, SAMIDEANOJ! — S-ro J. Munters, 28bis, Catharijne singel, Utrecht (Nederlando) petas afable al ĉiuj Esperantistoj, ke ili skribu al li, kiun personon ili opinias la plej granda el ĉiuj tempoj; la rezultato de la enketo estos publikigata en ĉi tiu gazeto.

FILATELISTOJ, GAJNU MONON! — Famkonata filatelia senriska kompanio „Universo" bezonas agentojn ĉie. Turnu vin al S-ro Ernesto A. Dalmau, Gerona (Hispanujo).

SAMIDEANOJ EN USONO, HELPU! — La frato de S-ino Martha Baum, naskita Mucke, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en Worcester (Mass.), 61, Piedmont Str., ĝis majo 1916, poste en Naugatuck (Conn.), 613, High Str. Oni skribu al la C. O. de UEA.

SUD-AFRIKAJ ESPERANTISTOJ, HELPU! — La patrino de Max Rohleder, maŝinisto, internigito N-ro 1439, en Tanga, German-Orienta Afriko, deziras informojn de aŭ pri ŝia filo. Oni skribu al C. O. de UEA.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO